VIIIa. jaro. No 119 ★ Duonmonata ★ 20 Marto 1912

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

**ABONO**

Jara abono . . . . . . 2,00 $ (5 fr. »)
Luksa eldono. . . . . 2,50 $ (6 fr. 25)
*La abonoj komenciĝas de la 1a de ĉiu monato.*

DIREKTORO :
**HECTOR HODLER**

**REKLAMO**

Reklamo (1 linio aŭ ĝia spaco). 20 Sd.
Anonceto (1 linio : 10 vortoj) . 15 Sd.
Korespondado (1 enskribo) 20 Sd.
*Rabato da 10 % por 4 enpresoj, 25 % por 12 enpresoj ; 50 % por 24 enpresoj.*

Redaktejo & Administrejo : 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

## TEKSTO



# Post kvar Jaroj

Kvar jaroj forpasis de post la fondo de U. E. A. En la ĝenerala historio tio sendube estas nenio. En la historio de Esperantismo, ĉe kiu la organizajoj havas ankoraŭ tre necertan kaj efemeran vivon, tiu kvarjara periodo estas io atentinda. Dum tiu tempo, kiom da brue anoncitaj organizajoj ni vidis kreiĝi, viveti kaj... morti ! Kiom da gazetoj, kiuj devis mirinde progresigi Esperanton en iu terparto, ni vidis brili dum sezono kaj daŭri tiel longe, kiel daŭras la rozoj ! Tamen ne por jeti melankolian rigardon al la pasinto ni volis skribi tiujn liniojn, sed por konsideri tiun pasinton kiel eble plej objektive kaj el ĝi ĉerpi instruojn por pli bona estonteco.

Ĝenerale, kiam grava organizajo fondiĝas, la iniciatantoj, antaŭ ol sin turni al la publiko, klopodas havigi al si la helpadon de kelkaj eminentaj influaj personoj, kaj kolektas pli-malpli grandan kapitalon, kiu permesos fari la unuajn necesajn instalojn kaj starigi la organizajon, ĝis komencos aliĝi la publiko.

Ĉe la fondota U. E. A. ni ne povis tiel agi. La tiamaj eminentaj personoj de la Esperanta movado estis okupataj pri lingvaj demandoj kaj bonvolis kompateme nin averti, ke nia ideo estas nerealigebla. Unu el ili, ne la malplej « eminenta » (li jus fariĝis duonidisto) eĉ skribis, ke « la argumentoj kontraŭ nia ideo tiel multnombre premiĝas en lia spirito, ke li ne scias, per kiu li devas komenci por respondi al ni ». Sen tiu apogo ni do devis komenci. Kiel kapitalon ni havis kelke da liberaj horoj kaj la pli-malpli grandan influon de tiu gazeto, cetere tiam en deficito. En tiuj cirkonstancoj ni estis devigataj nin turni tuj al la Esperantista publiko, kaj, pro la amaso de diversaj organizajoj ekzistantaj tiam kaj bedaŭrinde ankoraŭ nun, postuli tre malaltan kotizajon, kian uzas nenia serioza asocio, celanta liveri servojn al siaj membroj. Se ni ne havis monkapitalon, ni almenaŭ havis — kio eble estas preferinda — la laborkapitalon de multaj sindonemaj Esperantistoj, kiuj tuj post nia alvoko respondis ĝin metante sian penadon al nia dispono. Ni neniam povos esti tro dankaj al tiuj modestaj kaj sindonemaj unuaj Delegitoj kaj helpantoj, el kiuj ho ve ! jam mortis kelkaj el la plej fervoraj, kiel Pointer, Cazeaux, Vogler. Dank'al ilia kunpenado, ilia materia kaj humila laboro, nia Asocio tiel rapide grandiĝis, malgraŭ la internaj organizaj malhelpoj, kiujn ni renkontis pro monmanko.

Kion ni penis fari, tion ĉiu ja scias. Antaŭ ĉio ni devis doni al la jus kreita asocio firman organizajon. Tio ne okazis sen kelkaj malfacilajoj, kiujn poste laŭgrade korektis la sperto. Erarojn ni ankaŭ certe faris, ekzemple la financa kreditsistemo al la Delegitoj, kiu, se ĝi utilis al kelkaj, trudis al ni grandegan laboron, multajn plendojn, kelkajn perdojn, el kiuj fine sekvis la forigo de tiu sistemo. Sufiĉe multajn el la unuaj Delegitoj, kiuj aliĝis al U. E. A. ŝajne nur por havi pluan titolon kaj tre malmulte zorgis pri sia laboro, ni devis kun la tempo forigi, tiel ke lastatempe, se la nombro de la Delegitoj ne multe pligrandiĝis, la kvalito senteble pliboniĝis. Tion pruvas la fakto, ke ni pri tio ricevas multe malpli da plendoj ol antaŭe. Flanke de tio ekzistas nekontesteblaj pozitivaj rezultatoj. Komence la nombro de la personoj uzantaj la servojn de la Delegitoj estis tre malgranda. De tiam la nombro de la faritaj servoj ĉiujare pligrandiĝas. Ekzistas nun parto de la membraro, kiu kutimiĝis utiligi U. E. A. por siaj bezonoj, kaj scias, kiamaniere oni devas uzi tiujn servojn. Inter la kolektivaj servoj, plej sukcesa montriĝis nia Oficiala Jarlibro. Gvidfolioj kaj gvidlibroj ape-

ris, bedaŭrinde en ankoraŭ tro nesufiĉa nombro. Sed pli ĝenerala pozitiva rezultato estas la influo, kiun U. E. A. per sia agado havis ĉe multaj personoj pri la kompreno de Esperantismo. Antaŭe, la granda plimulto de la Esperantistoj staris kiel enfermite en la limoj de sia loka aŭ nacia organizaĵo, tre malmulte interesiĝis kaj sciis pri tio, kio okazas trans tiuj limoj. La kreo de internacia organizaĵo tute alcentrigita kiel U. E. A. havis kiel konsekvencon almeti la plimulton de la Esperantistoj en multe pli internacia kontakto. La trafiko de la korespondaĵoj plialtiĝis. La spesmila sistemo, ekskluzive uzata interne de U. E. A., certe faris progresojn kaj ĉie konatiĝis per la praktiko, t. e. multe pli rapide, ol per teoriaj argumentoj pri ĝia utileco. Oni ankaŭ povas facile konstati, ke tiu pligrandigo de la internacia trafiko sekvigis pli grandan uzadon de la lingvo. En tiu rilato U. E. A. nedubeble helpis al ĝia konserviĝo kaj firmigo, pli efike ol elokventaj teoriaj alvokoj. Tiu rezultato estas precipe tiom pli ŝatinda, se oni rememoras la tre malcertan situacion, en kiu rilate al tio estis nia movado je la momento kiam fondiĝis U. E. A. Oni malpli ŝatis la pure propagandajn predikajn metodojn, kies senefikecon cetere montris la praktiko, kaj populariĝis la ideo, ke la uzadon de Esperanto oni devas celi antaŭ ĉio, dum la propagando estos precipe rezultato de la uzado.

Se oni atente trarigardas la historion de nia Asocio dum tiuj lastaj kvar jaroj, oni konstatos, ke ni ĉefe okupis nin pri ĝia starigo kaj plej taŭga administrado. La progreso estas ebla nur en ordo, kaj pri tiu ĉi lasta ni antaŭ ĉio devis zorgi. Ni nun havas publikon, certan nombron da ekzercitaj Delegitoj, kelkajn servojn organizitajn kaj aliajn skizitajn; ni havas — kion ne posedas ĉiaj organizaĵoj — pretajn sindonemajn kunlaborantojn ĉie en la mondo. Ĉiujn ĉi tiujn fortojn ni devis unue kunigi kaj harmoniigi en unu organizaĵo, tirinte ilin el la diseco. Ni parte sukcesis. Nun, ekvenas la alia laboro, kiun jam skizis nia kunlaboranto Rousseau en la artikolo ĉi-tie aperinta je la komenco de tiu jaro: Ni kreis la maŝinon, ni nun devas ĝin funkciigi.

Se akirinte la situacion, kiun ĝi nun havas, U. E. A. nur restus je ĝi, pligrandiĝante ĉiujare je cent aŭ du cent membroj, ĝi ja ne povus plenumi la rolon, kiun atendas de ĝi la publiko. Ni devas ne nur vivi, sed kreski, progresi. Ĝis nun ni turnis nin ĉefe al la Esperantista publiko. De ĝi ni varbis la pli grandan parton. Ni ne diras, ke en tiu rilato ni atingis la maksimumon, sed ni ne povos multe superi la ciferon de 10.000 aŭ 12.000 — cifero, kiun ni almenaŭ nepre devus atingi, — en la nuna stato de la Esperantistaro. Sufiĉas konstati, kio okazis en la lastaj jaroj, por vidi, ke la nombro de la Esperantistoj, daŭremaj kaj certaj, nur malrapide kreskas, kvankam ĝi nedubeble kreskas. Se ĝi volas antaŭenpaŝi kaj ludi seriozan rolon en la movado por la plifaciligo de la internaciaj rilatoj, estas necese, ke U. E. A. estu ne nur pure esperantista organizaĵo, rezervata ekskluzive por la Esperantista publiko. Ĝi devas pligrandigi sian agadkampon ankaŭ ekster la Esperantaj rondoj. Daŭrigante, eĉ plimultigante, plibonigante la individuajn servojn, kiujn ĝi faras al siaj membroj, ĝi flanke de tio devos entrepreni kolektivajn servojn kaj klopodojn, kiuj estos profitigaj por la ĝenerala publiko de la interesuloj pri internaciaj aferoj Tiu ĉi tute ne scias pri nia Asocio, kiun ĝi sendiference ligas al la lingvo Esperanto. Tiun publikon ni devas alkutimigi al la ideo, ke ekzistas internacia asocio, nomata U. E. A.. kiu zorgas pri la plibonigo de la internaciaj rilatoj, kaj ĉe kiu ĝi povos trovi apogon kaj utilon. Ĝi devos scii, ke tiu asocio ne nur liveras difinitajn praktikajn servojn al siaj membroj, sed ankaŭ klopodas subteni kaj instigi ĉiun plifaciligon de la internacia vivo kaj pro tio estas aprobinda kaj helpinda. Por ke tiel estu, necese estas, ke nia Asocio pruvu sian utilecon per praktikaj laboroj, kiuj ĝenerale interesas kaj utilas la rondojn havantajn internacian agadkampon. Farante tion, ni cetere ne plenumos ion novan aŭ originalan: ĉiuj prosperaj asocioj, naciaj aŭ internaciaj, post kelkjara laborado pri interna organizo kaj firmigo, same agis. Ni ne kreis organizaĵon por ĝi mem, sed por la laboro, kiun ĝi permesas fari. Oni konsideru ekzemple la naciajn Turing-Klubojn, kiujn multaj aliĝas ne nur pro la individuaj servoj riceveblaj, sed pro la servoj de ĝenerala intereso, kiujn ili penas fari en la turisma fako por la utilo de la publiko. En tiu rilato nia Asocio baldaŭ komencos tiun laboron per organizo de speciala hotela servo kaj klopodo pri doganaferoj, konforme al la deziresprimo de nia dua Kongreso. Aliaj temoj por la plibonigo de la internaciaj rilatoj ne mankas, kaj ĝuste estas unu el la taskoj de niaj reprezentantoj konigi al ni, en kiuj okazoj U. E. A. povus utile interveni.

Sed por ke U. E. A. atingu pozitivajn rezultatojn en tiu agadkampo, ĝi nepre devas esti forta. Tiu forteco ne devas esti nur unuflanka. La multmembreco certe estas forto. Ni povus kaj devus esti 10 ĝis 12.000 minimume, kaj ni esperas baldaŭ atingi tian ciferon. Sed la nombro ne estas ĉio. Por entrepreni la agadon, kiun ni supre skizis, organizaĵo devas esti en prospera financa situacio. Nenia serioza progreso sen ordo. Regula administrado estas la kondiĉo de tiu ordo; ĝi postulas laborantojn, do monon. Starigi organizaĵon sur esceptaj kondiĉoj povas esti necese en la komenco. Kun la tempo ĝi fariĝas rekte malutila, ĉar se malaperas tiuj kondiĉoj, la organizaĵo neniiĝas. Tion oni cetere sufiĉe ofte spertis en nia movado. Estas nenia asocio, kiu havas tiel grandan movadon de korespondaĵoj kiel U. E. A. kaj tiel malmulte da personoj por tion plenumi. Ĉu niaj membroj pagas kotizajon da 50 Sd., 1 Sm. aŭ pli, la laboro restas proksimume la sama; kontraŭe, enjetiĝas al ĉies okuloj, ke la enspezoj tute ne estas la samaj. Ĝis nun nia Asocio, pro la malgranda kotizaĵo de la membroj, nekomparebla kun la rezultanta laboro, vivis kun deficitoj. Se ni volas progresi ne nur en ekstera maniero, sed ankaŭ interne per utila agado, tiu deficito *devas* malaperi, kaj nia financa stato fariĝi, se ne brila, almenaŭ normala. Tio estas la plej urĝa problemo, al kiu ni baldaŭ dediĉos apartan ekzamenon.

Fine, kondiĉo por efika agado estas fruktodona kunlaborado de niaj reprezentantoj. Pri tio ni atingis progresojn ĉe multaj Delegitoj, sed ankoraŭ tro multaj konsuloj malmulte aŭ tute ne interesiĝas pri niaj laboroj. Ekzemple, el la du cent konsulinoj por Virinoj ne la kvinono aliĝis al la Virina Fako; por la fakaj Bultenoj ni devas mem ofte traduki el naciaj gazetoj, dum pro la nombro de niaj konsuloj ni devus ricevi pli da materialo ol ni bezonas. Tro multaj el niaj reprezentantoj ankoraŭ zorgas pri pluraj malsamaj Esperantaj aferoj, kaj dividas sian laboron, tiel ke ĝi estas produkta por neniu. Nia movado, ni tion ne ĉesos ripeti, suferas pro tromulteco de organizaĵoj. Kiel sprite diras *Era en Lingvo Internacia* parolante pri la Esperantistoj: « ..... Ilia internacia imago ĉion nature pligrandigas. Plenmano da ili fariĝas popolo; el kvar anoj konsistas grupo; el dudek, societo; el kvindek, federacio. Favoran artikolon de negrava gazeto, ili proklamas triumfo; rideton de reĝo ili konsideras kiel aliĝon. Unufojan kuniĝon de delegitoj, ili nomas parlamento; kaj brue laŭtiĝas iliaj disputoj. Leĝoj, reguloj, impostoj, ĉiuspecaj oficialaĵoj sekvas unu la alian.... » Simpligi, ordigi, koncentri, jen la plej urĝa tasko se la Esperantistaro ne volas, ke perdiĝu en marĉoj la rezultatoj de ĝia fervora laboro.

Ni skizis la necesaĵojn, kiuj sin trudas nun por la prospereco de nia Asocio. Oni helpu nin, oni komprenu nin, tiel ke la venontaj jaroj ĝermigu la fruktojn de nia ĝisnuna penado kaj ŝovu Esperantion en la nombron de tiuj institucioj, kiuj estas nedetrueblaj, ĉar ili fariĝis vera publika bezono.

H. HODLER.

# SOCIA VIVO

GEOGRAFIO

## La Indiano de Nord Ameriko (1)

IV

*Interrasaj edziĝoj.* — De la komenco de la almilito aperis la interrasa edziĝo. La enlanduloj kuniĝas kun la blankuloj siaj mastroj, kaj tiuj edziĝoj pli kaj pli oftiĝis en nia tempo. Primitive, tiuj kuniĝoj nur tempaj estis sole por la plezuro kaj bontrovo de la blankulo, sed ili estis malŝatataj de la Indianoj el la superaj klasoj, kiuj vidis en ili minacon kontraŭ la pureco de la raso. La infanoj rezultantaj el tiuj edziĝoj formis la multnombran kaj tro malestimatan rason de la « duonsanguloj ». La patro apartenas al ĉiuj naciecoj (kun la supereco de la elemento franca kaj skota), li apartenas al ĉiuj rangoj, de la oficiroj, nobeloj kaj riĉaj negocistoj rilatantaj kun la enlandulo, plej humilaj pioniroj ĝis la friponoj. La plimulto de la infanoj alprenis la patrujon de sia patrino ; ili grandiĝis en la Indianmedio, kaj ŝajnas ne multe diferenci de la primitiva raso.

Envia kritiko asertas, ke tiuj « duonsanguloj » havas la malvirtojn de ambaŭ rasoj, ne havante unu el iliaj kvalitoj. Ĉio tio estas tre maljusta. En multaj okazoj, viroj kaj virinoj montris grandajn kapablojn kaj realan moralan altecon. Koncerne la ribelemajn kaj sendisciplinajn infanojn, oni povas pli juste diri, ke tion kaŭzis ne la interrasa edziĝo, sed necerta atavismo, malmulte prizorgita edukado, aŭ ambaŭ samtempe.

Dum la dudek aŭ tridek lastaj jaroj, kaj en kelkaj okazoj antaŭ tiu epoko, okazis multaj edziĝoj inter Indianoj kaj Kaŭkazanoj edukitaj ĉe la lernejoj. Se en la komenco nur la Indianinoj edziĝis kun blankuloj, okazis poste, ke ankaŭ Indianoj kuniĝis kun anglo-saksaj virinoj en preskaŭ egala proporcio. Tiuj edziĝoj, kiuj estas bazataj sur reciproka simpatio kaj amo, estis kutime feliĉaj kaj liveris la plej bonajn rezultatojn. Ĉar oni konsentas pri tio, ke nuntempe la Indiano ne povas daŭrigi apartan ekzistadon — kun siaj propraj ecoj kaj moroj — sur la Usona teritorio, la kunfandiĝo de la rasoj aperas kiel la sola rimedo por solvi unu fojon por ĉiam la rasan problemon. Laŭ tiu senco — kaj neniel pro manko de vivemeco — la Usona Indiano « mortas ». En la malproksimaj regionoj de Kanado, kie la premado de la blanka loĝantaro estas malpli forta, la procezo estos eble iom pli longa, sed, se daŭras la nunaj kondiĉoj, la pura Indiana raso estos malaperinta en malpli ol du jarcentoj, eble eĉ post cent jaroj.

*La estonteco.* — Se oni nun konsideras la estontecon, oni povas aserti, ke la instrumetodoj uzitaj dum la lastaj tridek aŭ kvardek jaroj en Usono kaj Kanado, metodoj rememorigantaj pri la plej malnova sed nekompleta sistemo de la Misiaj lernejoj — tute ne estis senfruktaj. Se oni estus alpreninta ilin pli frue, jam de longe la problemo estus solvita. Pluraj milionoj da dolaroj, liveritaj de la komunaj kasoj de la Indianaj gentoj aŭ venantaj el senpera donaco, estas uzitaj por la konstruo kaj starigo de multaj Indianaj lernejoj kaj la pagado de armeo de instruistoj blankaj aŭ indianaj. Industria instruado, lecionoj pri moralo kaj sintenado formas gravan parton de la programo. En la plej bonaj lernejoj, oni insistas pri la higieno kaj la sanitaraj aranĝoj, kio estas tiom pli necesa, ke la Indiano, kondamnita dum longa tempo al speco de malliberigo, malfortiĝis.

La kontakto kaj la stimulo inter la junaj Indianoj kaj la junaj blankuloj havis plej bonajn rezultatojn, je la individua vidpunkto. Tiu edukmaniero estis propagandata de Generalo Pratt, pensisto kaj eminenta administranto, fondinto de la lernejo Carlisle. Efektive, la eraro konsistas en tio, ke oni apartigis relative malmultajn individuojn, kiuj estus sendube instrueblaj kaj asimileblaj. Jam nun multaj Indianoj estas egalaj al la blankuloj, en socia, komerca kaj industria rilato ; la plimulto el la enlanduloj ricevis terpecojn, kiuj apartenas al ili, kaj fariĝis regnanoj. Restas ne pli ol 350.000 Indianoj, el kiuj 260.000 en Usono. Tiuj lastaj estas disaj en la okcidentaj regionoj : ilin ĉiuflanke ĉirkaŭas la blankuloj, kaj ofte ili per edziĝo kuniĝas kun la blanka loĝantaro Sed la « Indiana Oficejo » starigita en Washington estas grandega kaj peza maŝino, kiu ĝenas la evoluon de la « nova Indiano » kaj tendencas lin lasi en stato de konstanta dependeco. Oni devas forigi tiujn limrimedojn, forlasi la lernejojn kie la instruado ne estas komuna, dispartigi laŭ kapo la monon de la deponkasoj Ju pli rapide oni iros laŭ tiu vojo, des pli feliĉa kaj sendependa fariĝos la Indiano.

Malgraŭ ĉio, oni povas esti kontenta : la demando pri la terdivido estas entute solvita, la plimulto el la junaj Indianoj paroletas la anglan lingvon ; ili estas iom instruataj, iliaj interesoj kunfandiĝas kun tiuj de la blanka loĝantaro, kaj la latenta genio de mia raso rilate al artoj, elokventeco kaj mekaniko promesas partopreni al la florado de la dudeka jarcento.

*Trad. A. R.* D-ro Ch. A. Eastman, *(Amherst).*

(1) Vidu *Esperanto*, 5 februaro, 20 februaro, 5 marto.

## La Sud-Amerika Poŝta Unio

En artikolo, kiun ni dediĉis al *Poŝtaj Demandoj* (1), ni atentigis pri tio, ke interne de la teritorio de Universala Poŝta Unio, la regnoj rajtas fari inter si specialajn kontraktojn por ĉia plifaciligo de la poŝtaj rilatoj. Tiuj specialaj unioj plimultiĝis en la lasta tempo. Ilia karakterizo konsistas en tio, ke ili akceptas leterafrankon malpli altan ol tiu de la Poŝta Unio. Tiuj unioj povas esti dividataj laŭ tri grupoj :

Unue, la unioj konkluditaj inter la najbaraj landoj havantaj ĉu parte, ĉu tute samlingvan loĝantaron, ekz. Germanujo kaj Aŭstrio-Hungarujo, Germanujo kaj Luksemburgo, Aŭstrio-Hungarujo kaj Serbujo, Serbujo kaj Bulgarujo, Bulgarujo kaj Rumanujo, Portugalujo kaj Hispanujo, Belgujo kaj Nederlando, k. t. p., al kiuj oni devas aldoni la poŝtuniojn skandinavan, sud-afrikan, aŭstralian kaj nord-amerikan.

La dua kategorio entenas la koloniajn poŝtuniojn, el kiuj plej fama estas la unio de la britaj kolonioj.

La tria kategorio konsistas el la regnoj, kiujn apartigas maroj aŭ oceanoj. La tipo de tiu kontrakto estas tiu, kiun konkludis en 1908 Granda Britujo kaj Usono kaj kiun sekvis alia traktato inter Germanujo kaj Usono.

De la 1. Junuaro 1912 ekzistas nova speciala poŝtunio, nome la Sud-Amerika. Tion decidis la reprezentantoj de la registaroj de Arĝentino, Bolivio, Brazilujo, Ĉilio, Ekvatoro, Kolombio, Paragvajo, Peruo, Urugvajo kaj Venezuelo, kongrese kunvenintaj en Montevideo la 2. Februaro 1911. Tiu nova grupiĝo prezentas apartan gravecon, unue pro la granda nombro de la kontraktintaj ŝtatoj, due pro la vasteco de la teritorio, kiun ĝi ampleksas (tuta Sud-Ameriko). Plie, ĝi havos propran internacian oficejon, kiu funkciados sub la direktado de l'Urugvaja registaro.

Tiu kontrakto enhavas diversajn novajojn, kiuj honorigas la subskribintajn regnojn. Ili interkonsentis, ke la poŝta transito surtera kaj surmara por ĉiuj sud-amerikaj korespondajoj estos senpaga. Tio ŝajnas unuavide negrava; tamen la dirita decido estas necesega elemento por la plimal-altigo

(1) Vidu *Esperanto* du 5. Februaro 1912.

de la poŝtaj tarifoj. Ĉe la Roma kongreso de la Poŝta Unio la greka delegito jam rimarkigis, ke malaltigo de la afranko estos ebla nur post malaltigo de la transit-tarifo. Sekve de tio, la afranko de la leteroj inter la sud-amerikaj regnoj estas fiksita je 8 sd. por la unuaj 20 gramoj kaj 4 sd. por ĉiuj pliaj 20 gramoj, la afranko de la specimenoj je 1 sd. po 50 gramoj (kun maksimuma pezo da 500 gramoj) kaj la rekomend-kaj ekspres-rajto je 8 sd. La fakto, ke la okspesdeka leterafranko estos aplikata super kontinento longa 7.000 km. kaj larĝa 5.800 km. sendube favore influos al la decido, kiun pri tiu demando devas alpreni la universala poŝtkongreso de 1913.

En la ĝisnunaj poŝtaj kontraktoj la senpaga afranko estas permesata nur por la poŝtaj administracioj kaj la militmalliberuloj. La Kongreso de Montevideo estis pli progresema. Dezirante faciligi la politikajn rilatojn inter la sud-amerikaj respublikoj ĝi decidis konsenti la senpagecon de la poŝto por la korespondado inter la registaroj kaj iliaj diplomatiaj agentoj. Plie, la saman senpagan afrankon havos la korespondaĵoj de la naciaj institucioj, kiuj havas sciencan aŭ komuninteresan karakteron, kaj la sciencaj sud-amerikaj kongresoj. Tiu lasta decido estas bela instigo por la progreso de la sciencoj en la grandegaj teritorioj de sud-ameriko. Aliparte, por la sama celo, la senpageco estas ankaŭ konsentita al la sud-amerikaj gazetoj kaj revuoj, ĉiutagaj aŭ ne, por la ekzempleroj interŝanĝataj inter tiuj eldonaĵoj.

El tiu skizo oni vidas, ke sud-ameriko donas al Eŭropo imitindan ekzemplon, kiun tiu esperebie baldaŭ sekvos.

H. H.

---

INDUSTRIO

## La Afrikaj transkontinentaj fervojoj (1)

II

*De Dar-es-Salam al Kamerum.* — La franca gazeto *Le Temps* de 18 Aŭgusto 1911, komentante informojn liveritajn de la *Deutsches Kolonialblatt* diris : « Du linioj estas nun konstruataj en Kamerumo : unu direktiĝas nord-okcidenten, al montoj Manenguba ; ĝi trapasis multajn malfacilaĵojn kaj post sesjara laborado kalkulas nur 160 km. Dua linio deiras de Duala kaj direktiĝas orienten, t. e. laŭ mala direkto de la granda linio de Orienta Afriko. Ĝi estas tiel favorata de la germanaj koloniistoj, ke la konsilantaro de Kamerumo unuafoje enskribis en la buĝeton de 1912 la kreditojn necesajn por ĝia plilongigo. Tria linio, kiu verŝajne kuniĝos kun la dua, estas nun projektata en Sud-Kamerumo, kies komerca ĉambro sin preparas por peti baldaŭ de la Reichstag la komencon de tiuj novaj laboroj... Ni cetere scias, ke Germanujo ne intencas kontentiĝi je kunigo de ĝia orienta-afrika linio kun la belga liniaro. Ĝia intenco estas plilongigi la Kameruman fervojon ĝis la Konga riveraro. Se la trans-ekvatora fervojo ne povas esti tute germana, ĝi tamen, en la spirito de la germanaj koloniistoj, devos servi kiel ligilo inter la du grandaj germanaj teritorioj, kiuj kuŝas ĉe la du flankoj de ekvatora Afriko. »

En la monato aŭgusto oni jam konis la petojn de Germanujo rilatajn al etendigo de Kamerumo ĝis la dekstra riverbordo de Kongo kaj Ubangi. Oni jam sciis, kion kaŝas tiu propono : Germanujo volis atingi la malaperon de banderolo de la franca teritorio, kiu malhelpis, ke ĝia estonta Kameruma fervojo kontaktiĝu kun la belga liniaro. Ĝi sukcesis. La traktadoj, kiuj havis kiel rezultaton *korekton* de landlimo forigas ĉiun malhelpon je la estonta kuniĝo de la Konga kaj Kameruma retaro. La informoj de la germanaj gazetoj permesas nur malprecize scii, kio estos la Kameruma fervojo. Sed, kio ajn estas, belga Kongolando metus sian retaron de navigeblaj riveroj kaj fervojoj je la dispono de Germanujo por ke tiu ĉi povu kunigi siajn ambaŭ koloniojn de Kamerumo kaj Orienta Afriko, kaj eventuale Kongolando same farus por faciligi al Anglujo la kuniĝon de ĝiaj Egiptaj kaj Sudanaj kolonioj kun Rodezio kaj Kaplando.

*La transsahara fervojo.* — Se mi citis la vastan projekton de transafrika fervojo, kiu el Alĝero irus ĉu al Cape Town, ĉu al la Hinda Oceano, tio estas ĉar ĝi fakte estas la plej malnova. Sinsekve forgesita, reprenita kaj ŝanĝita, publikigita en 1877 de franca esploristo, S-ro Paul Soleillet, tiu projekto estis akceptita de la tiama ministro de l'publiklaboroj S-ro de Freycinet, kiu ĝin studigis per la misio Flatters, sed post kiam tiu ĉi lasta estis mortigita de la Tuaregoj en 1881, la projekto kuŝis multajn jarojn en la paperujoj de la ministrejo. Ĝi eble estus ankoraŭ tie, se la granda franca gazeto *Le Matin* ne estus reparolinta pri ĝi sub la brua titolo : Granda franca projekto : la transafrika fervojo de Alĝero al Cape Town.

Post la realigo de tiu laborego, la aŭtoro de la dirita artikolo promesas, ke la vojaĝantoj estos transportataj de Parizo al lago Ĉad en kvar tagoj, de Antverpeno al Stanleyville en kvin, de Londono al Transvalo kaj Cape Town en naŭ kaj dek tagoj. Li verŝajne iluzias kaj ni estus dankaj se li bonvolus klarigi al ni, kiel li povus realigi tiun miraklon de rapideco, de Mediteraneo al Kaplando, t. c. longeco de pli ol 10.000 kilometroj.

Aliparte la vojo, kiun li proponas, por el Alĝero atingi la Hindan Oceanon trapasus Alĝerion tra Oran kaj Igli, la Saharon de nord-okcidento al sud-oriento, la riveraron Ĉad kaj Ĉari, la teritoriojn Baghirmi kaj Bahr-el-Gazal, poste trapasus Nilon ĉe Lado, irus tra la alpaj regionoj, kiuj apartigas la lagojn Alberto kaj Victoria, utiligus tiun lastan lagon kaj fine atingus Mombasa per la angla linio de Ugando. La du partoj de tiu giganta vojo mezurus proksimume 8.500 km., el kiuj 5.500 por la franca parto kaj 3.000 por la angla. El la unua 700 estas konstruitaj inter Alĝero kaj Igli ; el la dua 1.000 km. estas formataj per la linio de Ugando. Oni do devus ankoraŭ konstrui 6.800 km.

Estas eble, ke iam la homo, soifanta rapidecon, volos per ekspresvagonaro trapasi la sablajn solajojn de l'granda dezerto por atingi la lagon Ĉad, Nilon aŭ Kongon. La tuta demande estas scii, ĉu venis tiu momento kaj ĉu pli urĝaj laboroj ne postulas la atenton kaj kapitalojn de Francujo.

Ĉu la sukceso de la transkontinentaj fervojoj amerikaj aŭ aziaj eble hipnotizas la homojn, kiuj revas pri similaj entreprenoj en Afriko ? Kompari la diversajn supre skizitajn projektojn kun la Amerikaj fervojoj *Union Pacific, Transcanadian* aŭ kun la Siberiaj estas eraro.

De la arktaj regionoj al la markolo Magelano, Ameriko estas por Eŭropo kaj Ekstrem-Oriento natura barilo, kiun oni devis rondiri antaŭe. La sukceso de l'transsiberia fervojo estas klarigebla ĉar notinda estas la diferenco de daŭro inter la tera vojo de Pekingo al Bruselo, ekzemple, kaj la mara vojo inter la samaj urboj tra Singapore, Cejlono, Suez kaj Mediteraneo. La situacio ne estas sama por Afriko. La uzo de transafrika fervojo ne trudas sin eĉ al la rapidemaj vojaĝantoj, kiuj veturas al centra Afriko, ĉar estas neniel pruvite, ke la lokomotivoj de Saharo, Kongolando aŭ Rodezio superos la rapidecon de la ŝipegoj. Aliparte kiu kuraĝos kompari la relativan komforton de la vagonfakoj kaj la vastajn luksegajn aranĝojn de la nunaj ŝipegoj ? Sama rimarko por la vojaĝo el oriento al okcidento aŭ reciproke.

Resume, transsaharaj, transkongolandaj, transafrikaj fervojoj estas revoj, kiuj ĝermis en la penso de entreprenemaj koloniistoj rigardantaj Afrikan landkarton je malgranda skalo !

Tamen, oni respondos al ni, mankas nur 1.200 kilometroj

(1) Vidu *Esperanto* de 20. februaro.

de reloj por realigi la Cape-Kairo kaj 400 de Matadi al Dar-es-Salam. Konsentite. Sed tiuj transafrikaj fervojo ne devenas el ĝenerala sistema plano. Ĉiu el iliaj partoj respondas lokan bezonon, el iliaj naturaj kunligoj realiĝos la grandaj vojoj. Plimultigante la regionajn fervojojn rilatantajn kun la marbordo, uzante kaj plibonigante la navigeblajn partojn de la riveregoj, kaj grade puŝante la vojojn al centro de Afriko, ni jam havas utilan laboron por pluraj generacioj.

D-ro J. Jacot Guillarmot, *trad.* A. R.

IDEOJ & FAKTOJ

## Parizo-Ĝardenurbo

El diversaj landoj mi ricevis leterojn pri mia unua artikolo (1) dediĉita al « ĝardenurboj ». Tio estas pruvo, ke certe la ideo estas kiel oni diras « en la aero », speciale nun en tiu momento de pligrandiĝo de la kosto de ĉiuj necesaĵoj al la vivo kaj speciale de la skandala kresko de la luprezo de la loĝejoj.

De longa tempo la homoj, laborante por idealaj celoj, uzis la metaforan sentencon : « Alporti sian ŝtonon al la konstruo de la ideala civito ». Ni ankaŭ deziras ĝin konstrui, ne ideale sed materie. Mi antaŭe diris, ke la ideo estas en la aero : homoj revas pri ĝi, ĵurnalistoj skribas pri tio, urbkonsilantaro diskutas ĝin, sed la malfacileco estas elpreni la ideon de la aero kaj elmeti ĝin teren, ne *en* teron tiel eble farus la gazetistoj kaj babilemuloj, sed *sur* teron.

Por tio ni uzos kiel ilon la feinon kooperativismo. Sur nia bieno estos 400 laboristaj familioj ĝoje vivantaj dank'al la kunligitaj helpoj de ĉiuj.

Malgraŭ la sciencaj eltrovoj nun en Francujo kaj verŝajne ankaŭ alilande nur la riĉuloj havas banĉambrojn hejme, nur ili uzas hejme elektran lumon kaj centran hejtadon, sed ni ankaŭ volas ilin uzi.

Nun ni aĉetis tute malkare nian bienon, niaj dometoj kostos malkare ankaŭ, se ni konstruos kvindek kune ; niajn semojn, grenojn fruktarbojn, karbon, kaj grandan parton de niaj nutraĵoj ankaŭ aĉetos kune.

La domego, eĉ kastelo, kiu estas sur nia bieno, estas por ĉiuj. Ĝi enhavos magazenojn, lokojn por diversaj kluboj, kursoj, k. t. p. La unua loko kiun ni elektis kiam ni ĝin vizitis, estas la loko por la biblioteko kaj legĉambro. Por niaj infanoj grandaj ludlokoj estas rezervitaj apud la multnombraj antikvaj arboj, kiujn ni kompreneble volas konservi. Ni tute ne volas konstrui kazernojn, sed, kontraŭe, remeti la homoj meze de iliaj veraj amikoj, la naturaj fortoj, esperante ke per tio ili estos malbonaj klientoj por kuracistoj (2).

En tiu urbeto estos bonega tero por progresoj ideaj kaj societoj. Komprenebie la verda standardo de Esperanto havos bonan lokon. Ni sekvos la bonan ekzemplon de Letchworth, kie la tiel afabla kreinto S-ro Ebenezer Howard tiel bone prezidas la gravan esperanto-klubon kaj el kie la sindonema Delegito de U. E. A., S-ro Godliffe, tiel volonte donis al ni utilajn informojn pri la unua provo de artefarita ĝardenurbo, konstruita laŭ logika plano, ne laŭ pure kapitalistaj bezonoj.

De longa tempo oni militas kontraŭ la migrado de kamparanoj, kontraŭ la infana morteco, la alkoholismo, la tuberklozo, k. t. p., sed se oni bonvolus pripensi, oni konstatus, ke ĝarden-urbo estas la vera utila solvo kontraŭ multaj el la malbonaĵoj, kiuj suferigas la nunan homaron.

Se parto de la mono disdonita de filantropiaj personoj, aŭ inslitucioj estus dediĉata por la konstruo de ĝarden-urboj, sufiĉe rapide, tiuj personoj kaj institucioj estus atingintaj sian celon, detruinte la malbonon per la radikoj.

Kompreneble ni ne diras, ke Parizo ĝardeno havos tiel grandan efikon per si mem, sed ni esperas, ke ĝi estos la utila greno de bona rikolto, kaj ekzemplo aliloke imitota.

E. Souchay (*Labor-Konsulo, Parizo*).

(1) Vidu *Esperanto* de 20. Novembro 1911.

(2) Al la interesatoj mi volonte sendos kontraŭ du respond-kuponoj la serion de ses poŝtkartoj montrantaj la bienon, kiun ni aĉetis. (E. Souchay, 134, Boulevard Exelmans, Parizo).

## La leĝo pri asekuro kontraŭ malsano en Norvegujo

Jam antaŭ pli ol 60 jaroj la laborista movado alvenis al nia lando. Tia movado kaŭzis baldaŭ, ke la laboristoj komencis metodan laboron por havigi al si ekonomian subvencion okaze malsaneco. En 1850 troviĝis kelkaj kasoj por malsanuloj kaj en 1885 ekzistis 285 tiaj kasoj kun 38.000 membroj. De tiam tiu laboro daŭris sukcese tiel ke nun ni havas ĉirkaŭ 400 kasoj kun 60.000 membroj. La aliĝo al tiuj kasoj estas tute memvola, kaj ili agadas sen iu ajn publika subvencio.

La demando pri deviga asekuro kontraŭ malsano jam de longe estis pritraktata, sed ne pli frue ol en 1909 oni atingis pozitivan rezultaton. Tiam la parlamento aprobis la leĝon pri deviga asekuro kontraŭ malsano, kaj de la 3 julio 1911 tiu leĝo regule funkciados.

Jen kelkaj detaloj pri la pli ĉefaj punktoj en tiu leĝo.

La leĝo distribuas la kotizaĵojn al la kaso laŭ jenaj reguloj ;

La asekurato mem kotizas 6|10, la komunumo 1|10, la labordonisto 1|10 kaj la ŝtato 2|10. Kiel oni vidas haviĝas la premio enspezoj per kunkotizado de diversaj interesantoj, el kiuj la asekuranto mem portas la plej pezan ŝarĝon. Estas la principo « helpo al memhelpo » kiu estas la bazo sur kiu la reguloj estas starigitaj.

Kiaj personoj ĝuos la bonon de tiu leĝo ? Estas ĉiuj salajruloj kaj oficistoj en publika aŭ privata servo, kies salajroj ne superas 1.400 kr. (769.74 Sm), en la urboj kaj 1.200 kr. (659.78 Sm). en la kamparo. La aĝlimo malsupren estas por asekuratoj la 15-a jaro. Oni estas kalkulinta ke meznombre minimume 400.000 personoj estas asekur-devigataj. Tio ĉi estas la sesono el la tuta loĝantaro.

Krom la deviga asekuro la leĝo ankaŭ permesas memvolan asekuron, kaj oni supozis ke ĉirkaŭ 40.000 profitus tiun rajton. Sed per tio ĉi la limoj de la leĝo por asekurado ne estas atingitaj, ĉar ankaŭ la edzinoj kaj infanoj de la asekuratoj ĝis la 15 jaro enkalkuliĝos en la asekuro. La tuta nombro tiel atingas preskaŭ unu milionon aŭ proksimume duonon el la loĝantaro.

Kiajn profitojn atingos la asekurotaj ? La ĉefaj estas la jenaj : La asekurato mem ricevas *senpagan kuracadon* dum malsano hejme sed ne senpagan kuracilon, se la malsano ne estas sekvo de malfeliĉaĵo dum la laborado. Al tio ĉi metiĝas mona subvencio de 60 0|0 el la meza tag-enspezo. Tian subvencion la malsanulo ricevas dum 26 semajnoj je ĉiu aparta malsanokazo, kelkfoje ankoraŭ en 13 semajnoj. — Plie la nomitaj subvencioj povas esti anstataŭataj per *kuracado kaj Flegado en malsanulejo.* Tiuokaze la malsanulo mem ne ricevas monan subvencion sed liaj edzino kaj infa-

noj rajtas ricevi subvencion da 50 0|0 el la meza tagsalajro de la prizorganto. — Fine *entombigan helpon* kiu ne povas superi 50 kr. (27.25 Sm.), kaj por la patrinoj *subvenciojn dum 6 semajnoj post akuŝiĝo.*

Tio ĉi estas la ĉefaj formoj por la subvencioj, kiujn la asekurato rajtas ricevi laŭ la leĝo. Ankaŭ la edzinoj kaj infanoj de la asekurito pli ol 15 jaraj rajtas ricevi senpagan kuracadon.

Kiel oni komprenas, la leĝo starigas kelkajn pli detalajn regulojn por eviti trompon. Je la unua rigardo eble ŝajnus kiel manko ke la malsanulo ne ricevas senpagajn kuracilojn precipe kiam oni scias kian troan kredon al la kuraciloj oni renkontas ĉe la pli malkleraj klasoj inter nia popolo. Dume je pli preciza konsidero oni komprenos ke la leĝo per tia principo deziras kontraŭstari trouzon de la kuraciloj, kiu ankoraŭ tro ofte troviĝas en nia lando.

Kiom da mono kostas tiu reformo : Tia demando ankoraŭ ne povas esti respondata tute certe. Nur post rikolto el iom da sperto oni ricevos tutan perspektivon, pri tio-ĉi, sed laŭ la kalkuloj oni estas supozinta ke la tuta reformo kostas 6.640.000 kronojn. El tiu-ĉi sumo la asekuratoj pagus 4.048.000 kr., la labordonistoj 600.000 kr., la komunumo 640.000 kaj la ŝtato 1.328.000 kr. La jara kotizaĵo de ĉiu asekurato estas kalkulata al 15 kr. de la devigaj membroj kaj 16 kr. de la memvolaj.

R. Buseth (Namsos, Norv).

## NOTOJ

∴ *La Usona trusto de la viando.* — S-ro Armand, administranto de la franca konsulejo en Sydney, donis en la « Terkultura Semajno », la jenajn informojn pri tiu trusto :

« Laŭ informoj el Melbourne, la Usona trusto de la viando altigis sian kapitalon ĝis 150.000.000 Sm. por povi pligrandiĝi sian povon; ĝi garantias al la novelvenditaj akcioj 7 0/0, kaj tiu profito estas allogaĵo por altiri al la trusto la ankoraŭ ne aniĝintajn personojn. Ĉefe celas tiu trusto neniigi ĉiun konkurencon. Ekzemple, por malebligi la eksportadon el Arĝentino Grandan-Britujon, la trusto provizadas Londonon per glaciigita bovaĵo po 0,1220 Sm. la anglan funton. Neeble estas al la arĝentinaj eksportantoj alkonduki la viandon en siajn havenojn je tiel malkara prezo, kaj la Sudamerikanaj firmoj ne aniĝintaj al la trusto kaj nekapablaj konkurenci kun ĝi, nun havas ĝuste sufiĉe da laboro por ne esti devigataj forsendi siajn laboristojn. Kiam la trusto vidis, ke la produktantoj de Arĝentino nur pretiĝis por atendi kelke da tempo la sekvon de la okazintaĵoj, ĝi elpensis alian rimedon, ĝi esperas, obstrukcante per amaso da viando la vendejojn de Londono, ke ĝi kaŭzos tian malkarigon kaj igos la negocojn tiel malmulte gajnigaj, ke la posedantoj de la arĝentinaj akcioj estos devigataj vendi ilin : tiam ĝi reaĉetos ĉiujn, kaj tiamaniere ĝi starigos sian kontrolon sur la produktoj de Suda-Ameriko. La celo trafota estas konstanta : tuj kiam ĝi estros la situacion, la trusto altrudos altajn prezojn al la eŭropaj konsumantoj kaj malkaregajn prezojn al la arĝentinaj brutarbredistoj. La akaparo de la brita komerecejaro postulos, laŭ diroj, ĉirkaŭ kvin jaroj ; sed la trusto nepre venkos, kaj oni antaŭvidas la momenton, kiam ĝi je la komenco de ĉiu semajno publikigos la aĉetprezojn, kiujn ĝi fiksos al la brutarbredistoj ». — F. S.

## OKAZONTAĴOJ

*Aprilo*

(7-14). — Dudeksesa internacia kongreso de la orientistoj en *Ateno.*
(11). — Sepa internacia kongreso por tuberklozo en *Romo.*
(16-19). — Kongreso de eksperimenta psikologio en *Berlino.*
(22-25). — Tria internacia kongreso de konstruado kaj publikaj laboroj en *Romo.*
(28). — Internacia muzikkonkurso en *Alger.*

*Majo*

(5-8). — Dua internacia kongreso de domposedantoj en *Berlino.*
(7-17). — Naŭa internacia konferenco de la Ruĝa Kruco en *Washington.*
(25-28). — Internacia kongreso de fajrestingistoj en *Peterburgo.*
(26-27). — Internacia gimnastikkonkurso en *Charleville.*
(26-28). — Dudekkvina internacia kongreso de novfilologoj en *Frankfurt-.a-M.*
(26-28). — Internacia konkurso de muziko en *Parizo.*

*Junio*

Internacia kongreso de artistoj en *Parizo.*
(4). — Konferenco por senfadena telegrafado en *Londono.*
(4-11). — Dekoka konferenco de Kristana Unuiĝo de Junaj Viroj en *Helsingfors.*
(15). — Dua internacia konferenco por la unuecigo de la kambiĵuro en *Hago.*
(28-1 julio). — Sesa federacia festo de Sokoloj en *Praha.*

*Julio*

(16-22). — Tridekdua federala kant-festo en *Neuchâtel.*
(22-10 aŭg.). — Sesa internacia kurso de komerca disvastiĝo en *Antverpeno.*

*Aŭgusto*

Internacia matematika kongreso en *Cambridge.*
Dudektria Eŭkaristia kongreso en *Vieno.*
(6-12). — Deksepa internacia kongreso de medicino en *Londono.*
(19-20). Konkurso de muziko en *La Rochelle.*
(22-27). — Dua internacia kongreso por morala edukado en *Hago.*

*Septembro*

Sesa kongreso de la internacia Asocio por la provoj de konstruaj materialoj en *Washington.*
Dekoka internacia kongreso de la Amerikanistoj en *Hago.*
Internacia kongreso de antropologio en *Ĝenevo.*
(1-6). — Internacia kongreso de liberpenso en *München.*
(4). — Sesa internacia Maria'ana kongreso en *Trier.*
(6-13). — Internacia kongreso de aplikita ĥemio en *Washington* kaj *New-York.*
(9-12). — Internacia kongreso por la historio de la religioj en *Leiden* (Nederlando).
(10-12). — Sepa ĝenerala kunveno de la internacia unuiĝo por leĝa laborista protektado en *Zürich.*
(22-29). — Internacia kongreso de higieno kaj demografio en *Washington.*
(24-28). — Internacia kongreso de la komercaj ĉambroj en *Boston.*

* * *

*Aprilo-Septembro.* — Bavara metia ekspozicio en *München.*
*Majo-Oktobro.* — Angla-Latina ekspozicio en *Londono.*
*Majo-Oktobro.* — Internacia ekspozicio en *Dunkerque.*
*Majo-oktobro.* — Arta ekspozicio de pentraĵoj kaj skulptaĵoj en *Dresdeno.*
*Junio.* — Ekspozicio pri aplikita elektro en Hago.

C. O. de U. E. A.

# ESPERANTISMO

### AL NIA LEGANTARO

Ni rememorigas al niaj legantoj, ke ni deziras la kunlaboradon de kiel eble plej multaj samideanoj por la redakto de la rubriko « Esperantismo ». Ne necese estas skribi leterojn : plej ofte sufiĉas poŝtkarto. Ni plezure enpresos ĉiujn informojn pri nia movado, sed kompreneble ni devos kelkfoje resumi, ĉar mankas al ni loko. Ni rekomendas al helpontoj la precizecon ; ili bonvolu indiki la daton de ĉiu fakto (parolado, kurso, k. t. p.), la devenon de ĉiu informo. Por artikoloj en naciaj jurnaloj oni sendu al ni, se ne la jurnalon mem, almenaŭ ĝian titolon kaj daton, la nomon de la urbo, kie ĝi aperas, kaj resuman enhavon de l'artikolo. Plue, kiam komitato organizas nacian aŭ provincan kongreson aŭ eĉ feston iom gravan, estas konsilinde konigi al nia redakcio kiel eble plej frue la daton kaj programon de tiu okazontajo. Tiela reklamo ne estas vana por la sukceso. Senutile diri, ke ni poste danke ricevos iom detalan raporton pri tiaj manifestadoj de nia vivado. Ĉiuj korespondaĵoj devas alveni antaŭ la 12a kaj 27a de ĉiu monato al la adreso : « Esperantio », rue de la Bourse, 10, Genève, Svislando.

**Novaj grupoj kaj Societoj.** — En *Corbeilles-du-Gâtinais* (Loiret, Franc.,) post parolado de S-ro Desbrosses antaŭ kelkaj monatoj ; 30 anoj. — T. D.

En *Fuerth* (Bavarujo), nova grupo « Verda Rondo », kunvenas en Hôtel National. — E. C. L.

En *Montpelier* (Vermont, Usono) la nove fondita « Washington County Esp., Society » enhavas 21 membrojn. Prez.: S-ino N. Monte-Gill ; Sekr. : S-ro J. Stanyan ; honora prez. : Mason. S. Stone, ŝtata lernejestro. — S.

**Novaj kursoj.** — En *Valaŝmezirici* (Moravio, Aŭstrio) S-ro K. Haltemar jus finis kurson kun 15 lernantoj kaj tuj komencos novan por laboristoj ; aliĝis jam 24. — H.

En *Rozno p. R.* (Moravio, Aŭstrio) S-ro A. Kudela, 28 januaro, ĉe la agrikultura lernejo kun permeso de l'Direktoro ; 12 lernantoj. — K.

En *Corbeilles-du-Gâtinais* (Loiret, Franc.), kurso en la lernejo. — T. D.

En *Bochum* (German.), la 23 febr., direktas nia Del., S-ro R. Stracke ; 23 partoprenantoj. — R. S.

En *Dresden-Oriento* (German.), post la festo de la unuiĝo « Zamenhof ». — O. Z.

En *Ruhrort* (German.), du por laboristoj, de S-ro Del., J. Plos.-P.

En *Verona* (Ital.), la 8 de marto unua kurso kun pli ol 100 lernantoj, de S-ro A. Reni. (En nia lasta N-o ni erare anoncis ĝin en *Genova*). — B.

En *Ufa* (Rusujo) dua kurso kun 60 anoj ; estas konstatebla en tiu regiono ĝojiga kresko de l'nombro de niaj adeptoj. — F.

En *Lisbono* (Portugal). Ĉe la Liceo, kun registara permeso. — B.

Suda Francujo (Provenca Federacio) en *Monaco* (F-ino A. Cauvin), en *Menton* (S-ino Outran), en *Cannes* (S-ro Cresp), en *Antibes* (S-ino Tiard), en *Nice* kvin, el kiuj unu por Ruĝkrucaninoj. — A. C.

**Kunvenoj kaj festoj.** — En *Dresden-Oriento* la Unuigo « Zamenhof » aranĝis la 16 de jan., dancvesperon kun malgranda parolado de la nun estro. Rezultato : nova kurso kun 19 partoprenantoj. — La oficejon de la Unuiĝo havas S-ro O. Zophel, Zollnerstr, 3.

En *Valencia* (Hispan.). 25 febr., festo de la lernantoj de F-inoj Janguas kaj Cuco kaj de S-ro Caplliure. Prezidis S-ro Martinez, eksurbestro, ĉeestis reprezentanto de la urba konsilantaro. La manifeston organizis la komisiono por festoj kaj propagando. — L. P.

En *Lisbono* (Portugal.), balotado de la grupestraro ; Prez. : Leŭtenanto Acacio Lobo ; Sekr., S-ro Duarte Rodrigues. — B.

En *Reichenberg* (Bohem.), je la fino de januaro, ĉefkunveno de la « Grafiista internacia Unio », fondita en 1909 kun la celo disvastigi Esperanton inter ĉiulandaj preslaboristoj kaj interŝanĝi presajojn. Oni elektis novan komitaton. Prez. S-ro Ant. Kœnig; sekr., S-roj F. Bergmann kaj F. Kaulfers.— F.

En *Londono* (17 febr.), jara manĝo de B. E. A., kun plena sukceso. Pli ol 120 Esp-istoj ĉeestis. Oni aŭdis interesajn kaj aplaŭditajn tostojn de S-roj H. B. Mudie, Pollen, Privat, Cox, Mann, Harrison Hill, F-ino Lawrence, k. a.

En *Capodistrio* (Aŭst.), 3 marto, kunveno de la nove fondita propaganda komitato ; ĉeestis lia Urbestra Moŝto, la direktoro de la Imperia reĝa Instituto, kaj la eminentuloj de l'urbo. S-ro D. Cossaro faris antaŭ tiu publiko (pli ol 100 personoj) ferman paroladon ; post li, la Urbestro esprimis sian simpation al nia afero kaj promesis oficialan monhelpon ; F ino Percolt dankis la instruinton kaj prezentis al li, je la nomo de la lernintoj, oran ringon kaj artan arĝentan skribilaron Dankan paroladon aldonis S-ro A. Camuffo. Oni baldaŭ fondos Istrian Instituton de Esperanto, kiun direktos S-ro D. Cossaro.

En *Narva* (Rusujo) 28 jan., en teatra salono de loka Esta Societo la unua propaganda vespero. La programo konsistis el 20 Esperantaj, rusaj kaj estaj propagandpecoj, kun deklamajoj, muzikajoj, paroladoj. La festenon ĉeestis 750-800 personoj. Oni disdonis multe da propagandiloj ; la rezultato estas rimarkinda ; nun la publiko konsideras la aferon iom pli serioze, kaj la registaro, kiu fine donis la permeson, estos eble iom malpli malfavora. Kvar gazetoj raportis pri la festo. — T.

**Paroladoj.** — En *Peterburgo*, 24 febr., ĉe Esta Societo de junuloj okazis ruslingva parolado de S-ro N. P. Evstifeieff pri « Malgrandaj nacioj kaj Lingvo Internacia ». — P. T.

En *Essen-Ruhr* (German.), 24 febr., nia Del., S-ro F. Pillath paroladis en unuiĝo de instruistoj pri la temo « Ĉu Esperanto taŭgas por esti enkondukata en la lernejojn ? », akcentante precipe la gravecon de U. E. A. — P.

En *Wernigerode-Harz* (German.), nia Del., S-ro W. Neurath pri la graveco de U. E. A., laŭ la enhavo de la jarlibro 1912. — W. N.

En *München* (German.), S-ro Tressel, Del., paroladis en unuiĝo « Norica » pri Sm.-sistemo, mondformato kaj U. E. A.

En *Haida* finiĝis 4 kursoj de S-ro Taubmann.

En *Budapest* (Hungarl.), la 3 de marto, antaŭ granda kaj klera publiko parolis en la kazino de poŝtoficistoj. L. M. prelato kaj deputato A. Giesswein pri la neceseco de L. I. ; post li parolis D-ro Lorant. En tiu kunveno aperis la ideo, proponi en la VIII-a, ke la ŝtatoj ĉie ordonu al la poŝtoficistoj lerni nian lingvon. — N.

En *Sofia* (Bulgarujo) la 22 januaro (malnova stilo) grava parolado de D-ro Ivan D. Ŝiŝmanov, Prof. de literatura historio en la Universitato kaj eks-ministro de la publika instruado, pri la temo « Ĉu estas ebla kaj necesa Lingvo Internacia? » Li elokvente argumentis por Esperanto *kaj la Fundamento*, montrante la malutilecon de reformoj. Neniu povas nerimarki, kiom grava estas por nia afero en Bulgarujo la aliĝo de tiu eminentulo. — I. H. K.

**Paroladvojaĝo Parrish.** — En *Spa* (Belgujo) la 11. de febr. ; en *Düsseldorf* (German.) 12 febr., antaŭ 400 personoj ; en *Hannover* (German.) la 14. de febr., 400 personoj ; en sanatorio *Vejlefjord* (Danujo) 25 febr.. antaŭ 50 personoj ; en *Odense* (Danujo) 1. marto, 400 personoj ; en *Horcens*, 4. marto 3 paroladoj antaŭ 1300 personoj entute; en *Køge* (Danujo) 10. marto antaŭ 600 personoj. — B.

**Regionaj Esperantiaj kunvenoj.** — *Newcastle on/ Tyne.* La kunveno okazis la 24 januaro. La kontoj de la regiona kaso estis aprobitaj. S-ino Wright, Del., raportis pri la lastatempa agado de U. E. A. kaj servoj. La raporto estas akceptita.

## OKAZONTAJ KUNVENOJ

### Esperantista Kalendaro

*Marto*

(24-26). — Kongreso de la « Provenca Federacio Esperantista » en *Nice*.

*Aprilo*

(7-8). — Tria kongreso de la « Esp. Federcio de Sud-Okcidenta en *Bordeaux*.

(13-14). — Kongreso de la S. F. P. E., kongreso de la Esp. Federacio de la Pariza Regiono en *Parizo*.

*Majo*

(26-27). — Belga nacia kongreso Esperantista en *Gand*.

(26-27). — Kvina kongreso de la « Federacio Esperantista de Burgonjo kaj Ĵuro » en *Tournus*.

(26-28). — Kvina kongreso de Brita Esperanto-Asocio en *Portrush*.

(26-28). — Kvara kongreso de Danaj Esperantistoj en *Vejle*.

*Julio*

(27-31). — Kongreso de Germana Esperanto-Asocio en *Danzig-Zoppot*.

*Aŭgusto*

Tria internacia katolika kongreso en *Budapeŝto*.

(11-18). — Oka kongreso de Esperanto en *Krakovo*.

(11-18). — Tria kongreso de U. E. A. en *Krakovo*.

Unua hungarlanda kongreso Esperantista en *Budapest*.

*Oktobro*

Dua Aŭstralia Esperantista kongreso en Melbourne.

C. O. de U. E. A.

**Tabelo de distancoj inter Krakovo kaj kelkaj urboj**

| De urboj | Tra | II. klaso Sm. (Rapida vagonaro) | III. klaso Sm. (Rapida vagonaro) | Horoj |
|---|---|---|---|---|
| **Amsterdamo** | Berlin—Breslau | 32.20 | 20.72 | 21 |
| **Antverpeno** | » » | 36.30 | 23.16 | 23 |
| **Ateno** | Pireus—Trieste—Wien | 91.83 | — | — |
| **Barcelono** | Port-Bou—Marseille | — | 48.50 | 60 |
| **Belgrado** | Budapest—Oderberg | 21.90 | — | 19 |
| **Berlino** | Breslau | 16 » | 10.22 | 11 5 |
| **Bukareŝto** | Itzkany—Lwow | 29.30 | — | 23 |
| **Dresdeno** | Breslau | 14.67 | 9.43 | 11 |
| **Ĝenevo** | Zürich-Wien | 44.14 | 29.90 | 33 |
| **Genova** | Venezia—Wien | 42.84 | 29.54 | 33 |
| **Helsingfors** | Petersburg | — | — | 41 |
| **KONSTANTINOPLO** | Sofia—Belgrad | 45.18 | 25.78 | 49 |
| **Kopenhago** | Berlin—Breslau | 28.45 | 18 04 | 21 |
| **Kristiano** | » » | 45 » | 29.13 | 37 |
| **Lisbono** | Irun—Paris | — | — | 56 |
| **Londono** | Vlissingen—Berlin | 42.78 | — | 36 |
| **Madrido** | Irun—Paris | — | — | 62 |
| **Marseille** | Cannes-Milano-Venezia-Wien | 52.64 | 39.10 | 47 |
| **Munĥeno** | Wien | 26.87 | 17 » | 17 |
| **Moskvo** | Warszawa—Granica | 32 » | 27 02 | 34 |
| **Odeso** | Podwołoczyska—Lwow | 26.90 | — | 27 |
| **Parizo** | Berlin—Breslau | 44.15 | 28.40 | 30 |
| **Peterburgo** | Warszawa—Granica | 27.85 | 23.28 | 30 |
| **Romo** | Venezia—Wien | 45.34 | 29.13 | 38 |
| **Saloniki** | Nisch—Belgrad | 44.18 | 28.46 | 40 |
| **Sofio** | Budapest—Oderberg | 35.10 | 22.78 | 29 |
| **Stokholmo** | Berlin—Breslau | 39.95 | 25.66 | 33 |
| **Tifliso** | | — | — | 58 |
| **VLADIVOSTOKO** | Charbin—Irkutsk—Moskvo | 201.65 | — | 251 |
| **Wien** | | 12.66 | 8.04 | 6 75 |

## KRAKOVAJ KONGRESOJ

Tria Cirkulero de la Loka Komitato :

*Fervoja rabato.* — La klopodoj de la Komitato ĉe la Ministro por fervojaj aferoj ne restis sen sukceso. — La ministerio konsentis doni al la kongresanoj rabaton sur ĉiuj aŭstriaj ŝtataj fervojoj dum unu semajno antaŭ la kongreso kaj unu semajno post la kongreso. — Ĉar la Komitato deziras ricevi ankoraŭ pli favorajn kondiĉojn, ol tiuj, kiujn la registaro jam donis, ĝi faras pluajn klopodojn en tiu rilato.

*Plifaciligoj en pagado.* — La Komitato malfermis al si konton en la imp. reĝa aŭstria posta ŝparkaso. — La N-ro de la koncerna konto estas 83.173. — Tiu aranĝo plifaciligos la pagadon al multaj aŭstrianaj, germanaj, belgaj kaj svisaj samideanoj, ĉar tiuj, kiuj posedas ĉekkontojn en la aŭstria poŝta Administracio, en la reĝa virtemberga poŝta Administracio kaj en la svisa poŝta Administracio, plie kontposedantoj en la belga Nacia Banko en Bruselo (Banque nationale de Belgique) povas pagi al la Organiza Komitato per simpla transportado el sia konto en la konton de tiu ĉi Komitato. — Tiaspeca asigno devas okazi per ĉeko. — La necesan klaŭzulon sur tia asigna ĉeko oni enskribu en tia formo :

« Asignota al poŝta ĉekkonto N-ro 83.173 de Kongreso Esperantista en Krakovo ĉe la poŝta ĉekoficejo (respektive ĉe la belga Nacia Banko, filio) en..... ».

Esperantistoj, loĝantaj en aŭstriaj landoj postulu de la Komitato deponilojn de la Ŝparkaso, kiam ili intencas sendi monon.

*Vegetarana restoracio.* — Konsiderante la fakton, ke inter la esperantistoj troviĝas sufiĉe multaj vegetaranoj, la Komitato faris kontrakton kun vegetarana restoracio, kies mastrino kaj servistaro parolas Esperanton.

*Interesa ekspozicio.* — La « Landa Industria Ligo » en Galicio instigita de la Komitato decidis konatigi la kongresanaron kun tre originalaj, nenie aliloke renkonteblaj produktoj de pola hejma industrio. — Tiucele la Ligo aranĝos speciale por la kongresanoj, konforman ekspozicion kun klarigoj, informoj, surskriboj ktp. en Esperanto. — La direktoro de la citata Ligo, S-ro Krzaczynski, mem studas nian lingvon, dezirante fari dum la Kongreso lumbildajn paroladojn en Esperanto.

*Distraĵoj.* — La Krakova « Teatro de Novaĵoj » preparas esperantan prezentadon kun gaja varietea programo. — Ne mankos do humorplenaj monologoj, kupletoj kaj burleskoj — ĉio kompreneble nur en Esperanto — ĉar la direktoroj de la teatro, S-roj Polenski kaj Pilarski, intence lernas nian lingvon kun sia tuta personaro.

*Mazepa.* — Ĉiu persono, intencanta veni Krakovon, mendu tuj ĉe la Organiza Komitato tiun belan dramon. Ĝi estas ricevebla por la sumo de K. 2, krom poŝtelspezoj.

*Literatura konkurso.* — La Komitato decidis rompi la ĝisnunan tradicion, kiun oni povus jene karakterizi : Multaj konkursoj, malaltaj premioj. — Tute kontraŭan metodon aplikis la Oka : Oni starigis nur tri konkursojn kun altaj premioj. — La temoj estas :

1° Prozaĵo beletristika ;

2° Poeziaĵo ;

3° Scienca disertacio.

Oni vidas, ke la temoj estas tute ĝenerale difinitaj kaj lasas al la verkistoj grandan liberecon. — Detaloj estas troveblaj en la marta N-ro de « Pola Esperantisto », al kiu la Komitato konfidis la organizon de la literatura Konkurso.

*Fakaj kunsidoj.* — Ĉiuj fakaj societoj, intencantaj aranĝi dum la Oka siajn kunsidojn, estas insiste petataj komuniki al la Komitato siajn dezirojn, ĉar oni devas rezervi al ili necesajn ĉambrojn. La lasta neprokrastebla templimo por tiuj avizoj estas 1 de majo.

*Suplementaj kartoj.* — Oni malkomprenis la regulon pri suplementaj kartoj. *Ne* ĉiuj familianoj *kune* pagas Sm. 3., sed ĉiu aparte *po* Sm. 3.

*Propraj nomoj.* — Plenigante la aliĝilojn oni ne esperantigu la nomojn de la urbo, strato, sia nomo ktp., ĉar tio estas tute mal-

ĝusta kaj kaŭzas konfuzon ĉe la poŝto, kiam la Komitato skribas al la aliĝintoj laŭ simile redaktita adreso.

*Alvoko.* — Ni insiste petas, ke per frua aliĝado oni helpu kaj plifaciligu la laboron de la Komitato.

LOKA ORGANIZA KOMITATO.

## DIVERSAĴOJ

*Gvidfolio.* — La urba informejo en *Wernigerode* (Harz, German.) baldaŭ eldonos 8 paĝan ilustritan gvidfolion pri la urbo kaj ĉirkaŭaĵo; la tekston verkis nia Del. S-ro W. Neurath.

.˙. *En oficialaj rondoj.* — La 13. jan. la prezidanto de Kovna Esp. Soc. S-ro A.-M. Nedoŝivin raportis al Ministro de komerco kaj industrio. S-ro S. U. Timaŝev pri la Antverpena kongreso. La 18. de jan., laŭ propono de l'ministro, S-ro Nedoŝivin tralegis en instrua komitato de l'nomita ministrejo raporton pri enkonduko de esp. lecionoj en lernejojn. La komitato unuvoĉe aprobis Esperanton kiel laŭvolan lernobjekton. — D. V.

.˙. *Originala Propagandilo.* — Dum la karnavalaj festoj, la Esp. en Chalon-sur-Saône (Franc.) prezentis belan kaj trafan ĉaron de Esperanto, kiu multe altiris la atenton. Poŝtkarto ĝin montranta estas vendata Sm. 0,02 de S-ro J. Richard, 7, place de Beaune (Chalon-sur-Saône).

.˙. *Tiel juna!* — Antaŭ nelonge naskiĝis en la ŝtato Michigan (Usono) infaneto, kiu estos edukata por paroli la lingvon de Zamenhof. Lia patro estas la plej fervora proparolisto por la L. I. en Usono; li kaj lia edzino parolas nur Esperante unu al la alia, sed kompreneble uzas la anglan lingvon kun aliaj personoj. (El la Usona Baptista Gazeto « Ziono Advocate » tradukis A. K. G.).

.˙. *Praktika uzado.* — Du junaj samideanoj el *Melitopol* (Rusujo) foriris al Brazilujo, uzante la servojn de U. E. A. kaj parolante nur Esperante; unu fariĝis komercisto en Rio, alia akompanas en la centron de la lando gravan militan inĝenieron, en la Inspektojn de l'komitato de protektado al sovaĝuloj. Sed ni nescias, ĉu ili (la samideanoj, ne la sovaĝuloj) sin serioze okupis pri la derivadaj leĝoj en nia lingvo.

.˙. *Propagandajn markojn* tre belajn eldonis la « Grafiista internacia Unio ». Prezo : 12 pecoj Sm. 0,105; 48 pecoj Sm. 0,271; 120, Sm. 0,542. Oni sin turnu al S-ro G. Ulbrich en Alt-Harzdorf, 69, apud Reichenberg (Bohemujo).

.˙. *Esperanto ĉe la Kongreso de la Internaciaj Asocioj.* — La unua parto de la Dokumentaro de la unua Mondkongreso de la Internaciaj Asocioj, okazinta la 9-11 majo 1910, jus aperis. Tiu 830-paĝa libro, redaktata grandparte en franca lingvo, enhavas multajn dokumentojn kaj raportojn pri la diversaj internaciaj institucioj partoprenintaj en tiu kongreso. Esperanto estas reprezentata de raportoj : *La helplingvo internacia Esperanto* (G-lo Sébert), paĝ. 549-553; *Scienca helplingvo* (C. Bourlet), paĝ., 555-573; *Universala Esperanto Asocio*, ĝia celo, ĝia kompreno de internaciismo, ĝia organizo (H. Hodler), paĝ., 575-582; *Situacio kaj agado de la internacia asocio de la Esp. juristoj.* (P. Degon), paĝ. 583-581.

.˙. *Esperanto ĉe la Davosa Vintra Festo.* — Okaze de la Vintra Festo de Davos, la mondfama sportloko, estis aranĝita Esperanto-glitveturilo, ornamita per silkaj Esp., flagoj, diverslandaj samideanoj, inter ili unu el Ĥinujo. Ambaŭ diverslingvaj afiŝoj pri Esp., k. t. p.; ĝi portis supre terglobon ĉirkaŭitan de diversnaciaj flagetoj. La veturantoj estis flanke du knaboj disdonis propagandilojn al la publiko, konsistanta el kelkaj miloj de ĉiulandaj personoj. Tiu manifestacio havis grandan sukceson (1). — E. H.

.˙. *Gvidfolioj kaj gvidlibroj.* — La Elberfelda Esp. Grupo « Verda Stelo » kun subteno de la « Verkehrsverein » aperigis, sub la aŭspicioj de U. E. A., belan dekpaĝan ilustritan gvidfolion tra *Elberfeld*. Ĝi estas havebla kun niaj gvidfoliaj kolektoj aŭ ĉe Verkehrsverein (Hofaue 95 Elberfeld).

Lastatempe ankaŭ aperis gvidfolio tra *Bamberg* kaj *Praha* (4 paĝoj).

Ĉiuj tiuj gvidfolioj estas en Mondformato.

Ni ankaŭ ricevis la ilustritan gvidlibron de *Krakow*. Ĝi enhavas interesajn informojn pri la kongresurbo de la Oka.

.˙. *Universala manĝokarto.* — S-ro Ing. Tejchfeld (Str., Jerozolimska, 82, Varsovio) verkis tre interesan kaj rekomendindan manĝokarton por internacia uzado en diversaj lingvoj : Esperante, angle, france, germane, pole kaj ruse.

Ĝi estas titola *Bonan Apetiton!* enhavas 174 vortojn plej necesajn, kaj tre konvenas por vojaĝantoj, restoracioj, hoteloj, kafejoj, k. t. p. La prezo, afranke, estas: 1 ekz., 12 sd.; 5 ekz., 14 sd.; 10 ekz., 16 sd.

.˙. *Tria Katolika Esperantista Kongreso.* — Tiu Kongreso okazos en Budapest la 22-23 Aŭgusto, post la Oka, sub la prezido de prelato D-ro Giessweinn, deputato ĉe la hungara Parlamento, kaj sub la alta protektanteco de Lia Eminenco Kardinalo Claudius Vaspary, primato de Hungarlando. — E. K.

.˙. *Nia himno.* — La 27 februaro, en la festa ĉambrego de l'grupo « Verda Stelo », S-ro V. Polgar paroladis pri « Nia Himno ». Li priskribis laŭdate la plej konatajn el la multaj muzikaĵoj alfaritaj al la bela poezio de D-ro L. Zamenhof; kaj diversaj samideanoj laŭvice kantis ilin kun granda sukceso.

Rimarkinde estas, ke tiu dediĉita al U. E. A., ricevis varman aplaŭdadon de la mulnombra ĉeestantaro. — E. R.

.˙. *Literatura konkurso de K. E. F.* — Laŭ ĉiujara kutimo la Kataluna Esp. Federacio organizis, okaze de la IIIa Kataluna Esp. Kongreso en Terrasa literaturan konkurson, kiu, se oni juĝas laŭ la temoj ĝis nun ricevitaj, atingos grandan sukceson. La necesajn detalojn oni povos legi en No 2 (23) de *Kataluna Esperantisto*. U. E. A. proponas premion da 5 Sm. en libroj por la plej bona laboro pri la *Praktika signifo de U. E. A.* (1200-1500 vortoj).

## TRA LA GAZETARO

.˙. *Lingvo Internacia* (februaro). Sub titolo : *Natura evoluado* (Th. Cart) :

« ...Kiam ĉiuj estos vere konvinkitaj, ke necese estas, ĝisfunde koni ĉiujn ecojn kaj rimedojn de Esperanto, antaŭ ol enkonduki iun novajon, ke oni devas rilati al lingvo kun sama modesteco, kiel honestulo rilatas al la malnovaj naciaj lingvoj, kiam ĉiuj ĉesos vidi en la genia eltrovaĵo de Zamenhof ian artefaritan jargonon, kiun oni rajtas ŝanĝi aŭ pliriĉigi laŭ la kapricoj de la individua « logiko », tiam ni ne plu bezonos timi kelkajn deklinîĝojn ŝulditajn al la libereco de la natura evoluado, sen kiu, kiel skribis D-ro Zamenhof, estas nur pereo. Ni respektu nian lingvon kaj postulu de ĉiuj saman respekton por ĝi!... »

.˙. *La Revuo* (marto). En *Babilado* (C. Bourlet) :

« ...Se morgaŭ la ĥinaj revolucianoj sukcesos firme starigi Respublikon je la loko de la Ĉiela Imperio, se tiam ili volos instrui la popolon, konigi al ĝi niajn sciencojn, niajn industriojn, niajn instituciojn, kiamaniere ili prosperos tion fari? Tute neeble estos tia cele uzi la nacian ĥinan lingvon : ĝia terura skribado postulas ja tiajn studojn, ke tuta vivo ne sufiĉas por ĝin koneti. Pli praktike estos alpreni iun eŭropan lingvon, ekzemple la anglan, kaj per ĝi instrui la infanojn; sed la eŭropaj lingvoj estas tamen malfacilaj, kaj, plie, ĉu la nacia ŝovinismo akceptos tian abdikon? Esperanto al ili prezentiĝas, kiel savilo. Nia lingvo dekfoje pli facila, ol iu ajn, nia lingvo *neŭtrala*, estas por ili la sole praktika rimedo por progreso. Kaj el tio rezultas por Esperanto simpla sed grandioza plano efektiviginda kaj cetere efektivigebla, se ni ĉiuj volos streĉi niajn fortojn al tiu celo. Unue, anstataŭ hazarde sencele, laŭ persona gusto, eldoni centojn da diversaj romanoj, noveloj, teatraĵoj, k. c., ni koncentrigu niajn fortojn al metoda eldonado de lernoli-

(1) Bildo estas aĉetebla kontraŭ 2 resp., Kuponoj ĉe F-ino Herzog, Del., 3, Bahnhof-str., Davos-Platz (Svis.).

broj en Esperanto. Ni demandu nin : « Kion bezonas antaŭ ĉio popolo por instruiĝo ? » Tiam ni facile starigos liston da unuaj *elementaj* lernolibroj pri literaturo, historio, geografio, matematiko kaj diversaj sciencoj. Mi estas certa, ke deko da bone verkitaj, tre simplaj kaj klaraj libretoj sufiĉus. Tio estus grava materialo... »

∴ *Espero Katolika* aperas nun en nova formo, sub la direktado de D-ro Smulders (Schijndel, Nederlando). El *Nia Programo* :

« ...E. K. estas la organo de l'K. U. E. kies celo estas servi la interesojn de l'Katolikismo, kaj do ĝi estu konforma al tiu celo. Ĉio, kio utilas al la servado de l'Katolikismo, estas de la propra enhavo de E. K... ».

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

### Balotado de la Distriktaj Delegitoj.

Konforme al § 26 de la Statuto, la Delegitoj de U. E. A. partoprenis en la balotado de la distriktaj Delegitoj por tri jaroj.

Tiu balotado liveris la jenajn rezultatojn (por Eŭropo) :

Voĉdoniloj ricevitaj 257 ; blankaj 6 ; sumo 263.

Ĉi-sube sekvas la rezultatoj laŭ distrikto. Estis konsiderata kiel elektita ĉiu distrikta Delegito ricevinta la absolutan plimulton de la voĉoj (§ 54), minimume 3. En la distriktoj, kie la balotado ne liveris rezultaton, la distrikta Delegito estos provizore elektata de la Direktoro de U. E. A. (§ 26).

La rezultatoj pri ekstereŭropaj distriktoj aperos pli malfrue.

La substrekitaj nomoj kun E montras la elektitajn Del. ; la signo ' montras la ĝisnunajn distriktajn Del.

**Aŭstrio-Hungarujo** :

Adriatiko : *Ghez* 3 E. Pohusta ' 2.
Aŭstrio : *Glück* ' 4 E.
Bohemujo-Moravio : Kraus 9, Kühnl 7, Ĉejka 2, Pazelt 2, Koĉi 1, Mareŝ ' 1, Taubmann 1.
Galicio : *Rudnicki* ' 6 E.
Hungarujo : Zsigmond ' 1, Tœrok 1, Bulyovskij 1, Rakoczy 1.

**Belgujo** : *Mathieux* ' 5 E.

**Bulgarujo** : Atanasov ' 2, Krestanof 1.

**Danujo** : Hansen ' 1.

**Francujo** :

Burgonjo : *Rousseau* ' 8 E., Dejean 2, Bord 1.
Centro : *Autin* ' 5 E., Jegu 1, Chaussard 1.
Centro-Sudo : Lamant ' 2, Soubranne 1.
Nordo : *Deligny* 3 E., Durieux 1.
Normandio : Fournier ' 1, Spicq 1.
Okcidento : Chauvin 1.
Oriento : *Maresquelle* 5 E.
Parizo : *de Lajarte* 10 E., Chavet ' 5.
Sudo : *Carles* 5 E.
Sud-Okcidento : *Brunet* 3 E., Meyer 1.
Sud-Oriento : *Gabert* 8 E., Jabeuf 1, Ploussu 1.

**Germanujo** :

Bavarujo : *Maurer* 7 E.
Centro : *Rockmann* 3 E., Luckow 1.
Nordo : *Sostmann* 3 E., Luczenbacher 1.
Nord-Okcidento : Reinking 1, Bœning 2.
Rejnlando-Vestfalio : *Luis* 6 E., Marquard 1.
Oriento : *Kandt* 4 E., Tuschinski 1, Szymanovski 1.
Saksujo : *Karsch* 6 E.
Sud-Okcidento : Pfaff ' 1, Fricke 1.
Virtembergo : Hæussler 2.

**Granda Britujo** :

Centra Anglujo : *Hipsley* 5 E., Goodliffe 4, Rust 1.
Irlando.
Kimrujo.
Norda Anglujo : *Hepton* ' 6 E.
Nord-Okcidento : Horsley 1, Marriott 1.
Londono : Blaise ' 2, Robertson 1.
Oriento.
Suda. (A. H. Mare ').
Skotlando : Cowie ' 2.

**Grekujo** : Konstantopulos 1.

**Hispanujo**.

Centro : Lozano ' 1, Codorniu 1.
Nordo : Penafiel 1, Sauren 1.
Oriento : Sabadell ' 1, Lusilla 1, Barnolas 1, Belenguer Nuez 1.
Sud-Oriento : Colleja 1.
Sudo : *Linares* ' 6 E.

**Italujo** :

Centro.
Nord-Okcidento : *Stromboli* ' 4 E., Bianchini 1.
Nord-Oriento : Tellini 1.
Sudo : Bagnulo 1.

**Nederlando** : *Vermaas* 6 E.

**Norvegujo** : Vinholdt 1.

**Portugalujo** : Martins d'Almeida ' 2, Costa d'Almeida 1.

**Rumanujo** : Nicolaŭ ' 2.

**Rusujo** :

Centro : *Szabuniewicz* ' 3 E.
Finlando.
Kaŭkazo : *Fiŝer* ' 4 E.
Nordo : Nemojewski 1.
Okcidento : Niedwiedzki ' 2, Nedoŝivin 1, Zajcev 1.
Oriento : *Davidov* 3 E., Vejtcler 1.
Polujo : Lipski 2, Novelt 1, Hirszowski 1, Ender 1.
Sudo : Illaŝeviĉ 2, Szepe 1, Jakovlev 1, Fomenko 1.

**Serbujo**.

**Svedujo** : *Lundgren* ' 4 E.

**Svisujo** : *Schmid* ' 8 E. Jaquillard 1, Haller 1.

**Turkujo** : Stamadiades ' 1.

**Azia Turkujo**.

La protokolon subskribis S-roj Hodler, Berthold, Fleck, Gürges, Zirlin (§ 54).

*Rimarkoj* : La distriktaj Delegitoj estas do definitive elektitaj en 27 distriktoj. En Bohemujo-Moravio neniu ricevis la absolutan plimulton, postulitan de § 54 ; oni do devos tie fari novan balotadon.

Kompare kun la rezultatoj de 1910, oni povas konstati notindan pligrandiĝon de la voĉdonintoj (263 anstataŭ 176) kaj elektitoj (27 anstataŭ 7). La maksimumo de la voĉdonintoj estis en Bohemujo-Moravio (23).

### Propono per iniciatrajto.

La Centra Oficejo de U. E. A. informas, ke la propono de S-ro *Mally*, Del. Gœrlitz, publikigita en N-o 113 (5 decembro) ne ricevis aprobon de la kvinono de la voĉdonrajtantaj Delegitoj, konforme al § 53 de la Statuto. Konsekvence, la dirita propono ne estos submetata al la ĝenerala voĉdonado.

### Pri la Jarlibro de U. E. A.

Responde al diversaj demandoj, kiujn elvokis cirkulero de la Esperantista institucio pri apero de jarlibro, kiu interalie enhavus la liston de niaj Delegitoj, ni informas, ke neniu rajtas represi la diritan liston sen nia formala permeso. La starigo kaj kontrolo de tiu listo estas unu el la ĉefaj laboroj de nia Asocio, kies individuaj servoj estas rezervataj ekskluzive al niaj membroj. La libera represo de la listo de la Delegitoj en ia ajn alia jarlibro grandparte senvalorigus nian propran jarlibron. Krom tio estas tute ne

juste, ke eksteresperantiaj eldonejoj aŭ institucioj, kiuj neniam subtenis nian Asocion, profitu unu el ĝiaj laboroj por eldonajo mem difinita por vendado.

**Statistiko.**

Jen la movado de la korespondajoj ĉe la C. O. de U. E. A. dum la monato februaro :

| Ricevitaj | Mandatoj | Forsenditaj |
|---|---|---|
| 2.046 | 313 | 3.425 |

Tuta sumo : 5.784 (sen la Jarlibroj). Antaŭa monato : 3 340. Antaŭa jaro (sama monato) : 3.498.

**Etato de la Esperantianoj.**

Je la 1 marto 1912 estas enkasigitaj de la Centra Kaso de U. E. A. *5.800* kotizajoj por 1912 ; *157* kotizajoj de Subtenantoj. Lastan monaton la jenaj regionoj atingis pli ol 20 membrojn : *Annonay, Birmingham, Narva, Praha, Worms.*

**Fakaj membroj.**

*Interŝanĝa Fako* : 252 ; *Laborista Fako* : 52 ; *Virina Fako* : 92.

Oni rimarkos la progresojn de la repagado de la kotizajoj komparante la monatajn rezultatojn de tiu jaro kun tiuj de l'antaŭa :

| | 1910/11 | 1911/12 |
|---|---|---|
| 1 Novembro | 71 | 450 |
| 1 Decembro | 1.072 | 1.850 |
| 1 Januaro | 2 332 | 3.179 |
| 1 Februaro | 3.487 | 4.416 |
| 1 Marto | 4.718 | 5.957 |

**Subtenantaj Membroj (6-a. listo) :**

151. Guerino de Oliveira (Rio de Janeiro) ; 152. F. Strong (Coventry) ; 153. I. Hamand (Schaller) ; 154. M. Cary (Challer) ; 155. G. V. Raĥolph (Hartford) ; 156. E. Nikolaŭ (Bukarest) ; 157. Fr. Soubranne (Tulle).

**Financoj.**

*Konteltiro de U. E. A. de Februaro 1912.*

| Debito | *Sm.* | Kredito | *Sm.* |
|---|---|---|---|
| Oficejo kaj Materialo... | 83.22 | Kotizajoj............ | 557.77 |
| Salajroj.............. | 223.12 | Subtenantoj........... | 33.20 |
| Korespondado......... | 158 25 | Aprobantoj ........... | 9.00 |
| Presajoj.............. | 63.08 | Esperantiaj Entreprenoj. | 20 08 |
| Afranko de Jarlibroj.... | 95.38 | Anoncoj............... | 28.76 |
| Propagando............ | 4.06 | Vendado............... | 30.00 |
| Diversaj.............. | 0.80 | | |
| | 627.91 | | 678.81 |
| *Saldo*...... | 50 90 | | |
| | 678.81 | | |

*Fakaj Kotizajoj.*

| Debito | | Kredito | *Sm.* |
|---|---|---|---|
| Interŝanĝa Fako....... | 72.38 | Interŝanĝa Fako....... | 45.62 |
| Laborista Fako........ | 2.52 | Laborista — ....... | 3.00 |
| Virina Fako........... | 2.58 | Virina — ....... | 10.50 |
| | 77.48 | | 59.12 |
| | | Saldo...... | 18 36 |
| | | | 77.48 |

**Novaj Del. Vic. kaj Subdel.**

Ainsdale (Anglujo, Lancashire). — SD. : S-ino Pierpoint, « Lynton », Sandringham Rd.

Angers (Francujo, Maine-et-Loire). — D. : J. Moison, 20, rue du Fresne. VD. : Maurice Collet, oficisto, 15, rue Saint-Aubin.

Antofagasta (Ĉilujo). — D. : Jacinta Fonolla, komercisto, Casilla 516.

Asch i. B. (Aŭstrio, Bohemujo). — D. : Otto Lederer, entomologo.

Barrov-in-Furness (Anglujo, Lancashire). — VD. : Joseph Rollinson, muldisto, 25, Cook Street.

Benndorf (Germanujo, Prov. Sachsen). — SD. : Walter Barth, mekanisto, Benndorf/Kœrbisdorf.

Besançon (Francujo, Doubs). — D. : Jh. Bévalot, expert-géomètre.

Brest (Francujo, Finistère). — D. : Oscar Goasguen, desegnisto, 93 *bis*, rue de Paris.

Brno (Brünn) Austrio, Bohemujo). — D. : Eduard Zatecky, direktoro de banko « Allianz ». Bahnring, 4.

Cascajal (Antilioj, Cuba). — D. : Antonio Gonzalez, poŝtoficestro, Cascajal.

Cornwall (Anglujo, Devon). — D. : R.-E. Fairbairn Ponsanooth, Perranwell S. O.

Cours (Francujo, Rhône). — VD. : Karlo Durand, instruisto, rue des Ecoles.

Grange Over-Sands (Anglujo, Lancashire). — SD. : W.-J. Pratt, 1, Highfield Rd.

Kristiansund (Norvegujo). — F-ino Gudrun Karlie.

Langnau (Svisujo, Bern). — D. : Ernst Schmid.

Leiden (Nederlando). — D. : M.-P. Pleyler, libropresisto, Kaiserstraat, 9.

Mortagne-s-H. (Francujo, Orme). — D. : A. Simon, vikario, 15, rue de Rouen.

Odessa (Rusujo, Cherson). — D. : G. Touriansky, inĝeniero, Jekaterinskaj.

Osaka (Japanujo). — D. : G. Armand Kunz, korespondanto, 10, Kawaguchi.

Rheine-i-W. (Germanujo, Westfalen). — D. : Heinrich Albrecht, Salzbergnerstrasse, 71 a.

Roye (Francujo, Somme). — D. : Lucien Collin, 12, rue Saint-Pierre.

Soerabaya (Malazio, Java). — D. : Albert Knegt, poŝtoficisto, Weltevreden, Java.

Southport (Anglujo, Lancashire). — VD. : F-ino D. Threlfall, 72, Hall Street.

Ufa (Rusujo, Ufa). — VD. : Vasilis Vasilieviĉ Zavjalov, instruisto, Reallernejo.

Vinohrady (Austrujo, Bohême). — SD. : Adolf Kasparek, adj. d. i. r. ŝtataj fervojoj, Ĉelakovské ho ul 35.

Zhornja Bela (Austrio, Bohemujo). — D. : Mihael Nagliĉ, komercisto kaj bienulo, Zgornja Bela, 21.

Zbraslav ap. Praha (Austrio, Bohemujo). — D. : Ernesto Kundera, arĥitekturisto.

**Novaj Esperantiaj Entreprenoj.**

Rotterdam (Nederlando). — Nederlanda Societo Esp. « La estonto estas nia ».

London (Anglujo). — J.-M. Dent kaj Co., Ltd., Eierymans Library.

London (Anglujo). — Eustace Miles Proteid Foods Limited, Chandos Str. Charing Cross, W. C.

Saint-Petersburg (Rusujo). — Petro Stojan, Eldonejo, Bac. Ocm., 17 lin., 68 kv. 25.

**Ŝanĝoj.**

Aleksandropol (Rusujo, Caucase). — D. : J. Majenski, stacidomo.

Amsterdam (Nederlando). — D. : H. Bekker, Regulierschwarsstraat, 113 II.

Antverpeno (Belgujo). — D. : Arthur Vermandel, profesoro, Borgerhoutschestraat 72, Borgerhout.

Bukarest (Rumanujo). — D. : Emanoil I. Nicolau, komerca helpanto, str. Decebal 5.

Cambrai (Francujo, Nord). — D. : P. Marissiaux, 8, rue de Carmes.

Ĥarkov (Rusujo, Ĥarkov gub.). — VD. : Z. Dobi, farmaciisto, Sumskajest. 4.

Rocroi (Francujo, Nord). — D. : Jules Héripret, Taillette-Rocroi, Ardennes.

Saint-Albans (Anglujo, Hertfordshire). — VD. : Oswald Godman, leterportisto, 59, Oswald Rd.

Spa (Belgujo, Liège). — D. : G. Borckmaus, place des Ecoles.

Lons-le-Saunier (Francujo). — « Jura Stelo », Sekret. : S-ro Payebin.

Bath (Anglujo). — W. W. Bell kaj Co, Ekspedistoj kaj Veturagentoj, 7, New Bond Str.

En la jenaj urboj ne plu estas Del. : *Hluk, Puente Genil, Chvalkovice, Praskaĉka, Bougie, Marvejols, Nowilles.*

# ORGANIZA DEMANDO

La Grupo Esperantista de *Troyes* (S. f. p. E.) en sia ĝenerala kunveno de la 28 Februaro 1912 akceptis la jenan decidon :

**Konsiderante,**

Ke ĝenerala organizaĵo de esperantistaj institucioj, societoj, grupoj kaj asocioj, eble povos esti utila ;

Ke aliflanke iu asocio por internaciaj rilatoj estas certe kaj nepre necesega, por ke la propagando de Esperanto ne estu vana, senefika, kaj senfina.

Konsiderante,

Ke U. E. A. ĝis nun plej bone funkciis kiel asocio por internaciaj rilatoj ;

Ke ĝia kunlaborado kun la propagandaj grupoj kaj oficialaj institucioj de Esperanto estas plej dezirinda ;

La Grupo do respekte sed insiste petas :

Ke la Komisiono por Ĝenerala Organizaĵo plej afable ekzamenu la proponojn de la Estraro de U. E. A., kaj prezentu al la VIII-a Kongreso projekton precipe favoran por la disvastiĝo de U. E. A.

*La Prezidanto,* Doré. *La Sekretario,* G. Dumanche.

# NIA KUNLABORANTARO

Unu el niaj sindonemaj Del., S-ro Rubĉiĉ, el Dubrovnik, bonvolis fari statistikon de la gekunlaborantoj de *Esperanto* dum la pasinta jaro. Li konsideris nur la ĉefajn rubrikojn, t. e. ĉefartikoloj, Socia Vivo kaj Literatura Paĝo, kaj trovis, ke la kunlaborantoj de tiuj ĉi rubrikoj estas jene dividitaj laŭ landoj :

Rusujo 15 : Francujo 13 ; Germanujo 13 ; Granda Britujo 10 ; Aŭstrio-Hungarujo 8 ; Svisujo 6 ; Nederlando 2 ; Bohemoj 3 ; Hungaroj 2 ; Italoj 1 ; Kroatoj 1 ; Poloj 1 ; Aŭstralio, Barazilujo, Bulgarujo, Hispanujo, Norvegujo, Portugalujo, Rumanujo, Usono, po 1 -8.

Entute 75 gekunlaborantoj, apartenantaj al 15 landoj (ŝtatoj) kaj al 20 nacioj.

Ĉu ni ne povas esti fieraj je tia harmonia kunlaborado dank'al nia lingvo kaj nia Asocio ?

# Esperantia Parolejo

### Divido de l'tempo en 24 horoj

En germana gazeto mi legas jenan noton :

Publikaj korporacioj kaj gazetoj jam kelkafoje sin okupis pri la demando de l'tempdivido je 24 horoj, ĉar ili esperis profitojn el tio. Sekve de diversflankaj instigoj en Germanujo la afero baldaŭ oficiale estos decidata. Oni celas la enkondukon de l'tempdivido je 24 horoj en la horarlibroj de l'internacia trafiko pro kaŭzoj de unueca praktikado. La prusa fervojministerio sin montras favora al tiu ideo. Sed samtempe oni juĝas necese, ke la sama metodo estu praktikata ankaŭ en aliaj trafikaj fakoj, ekz. : en la poŝta, telegrafa kaj ŝipvetura trafiko. La prusa ministerio por komercaj aferoj forsendis leterojn al la komercaj ĉambroj por ekscii ilian opinion pri tiu temo. La esploroj ne estas ankoraŭ finitaj, sed ĝenerale en la komercaj rondoj ŝajnas regi la opinio, ke unueca, internacia enkonduko de l'tempdivi lo je 24 horoj estos celtrafa por la *publika trafiko*, sed ne por ĉiuj komercaj interrilatoj.

Mi deziras instigi niajn ĉiulandajn delegitojn koncize raporti pri tiu temo al « Esperanto », ĉar interese estus konstati, ĉu la supre citita tempdivido jam estas enkondukita en ia lando kaj sin montris utila, respektive, kiun opinion pri tiu temo havas la koncernaj ministerioj, la komercaj ĉambroj aŭ aliaj publikaj korporacioj.

F. Pillath (Del. Essen)

Ni volonte malfermas niajn kolonojn al internacia enketo pri tiu temo. La respondojn ni ĉi tie publikigos. Oni bonvolu ilin sendi al la redakcio de *Esperanto*.

(Red.).

### Oni laŭdas !

.˙. S-ro *J. Zindel* en Rotterdam kore dankas la distriktan delegiton de Nederlando pro la efika helpo en la akiro de komercaj rilatoj kun Skotlando.

.˙. Al S-ro *J. Schmid*, Bern : « Per tio ni permesas al ni danki vin pro via granda afableco. Ni skribis al la diversaj firmoj, kiujn vi nomis al ni, kaj la leteroj bone sukcesis. Ni salutas vin tre sincere ». — Dresdener Mercerisier-Anstalt (Germanujo).

.˙. Bonvolu publikigi mian plej koran dankon al *F-ino Helmi Josefson*, Del. U. E. A. en Stockholm (Sved.), kiu tre utilajn servojn faris al mi pri bontemplanaj aferoj. — *O. Amon* (Kolosvar).

.˙. *Moskva*. Esp.-ianino, petinta letere helpi rusan blindulon, vojaĝontan sola *Londonon*, esprimas sian plej koran dankon al : S-ro Hirwonski, Del., Varsovio, F-ino Rahe, Vic. Del., kaj S-ro O. Fromm, el Berlino, S-ro M. Coblenzer, Del., Koln'a Esp. Societo, S-ro L-to Léclancher, Del , kaj S-ro Perrin, Vicdel., Calais, S-ro Finez, Del., Dover, S-ro A. Richarson, Del., S-ro F. Mathieux, Vicdel., Bruselo, frato Isidoro, Ges-roj Blaise, Del., Londono, kiuj diversmaniere helpis al la vojaĝanto kaj multe utilis al li. Atentinda estas, ke loka gazeto de Calais presigis artikolon pri vojaĝo de rusa blindulo kun helpo de Esp.-ianoj.

### Oni proponas !

.˙. S-ro *Th. Oster*, Del. Bad-Godesberg, proponas, ke U. E. A. eldonu maldikan kajeron por atingi pli precizan statistikon. La folioj devus enhavi rubrikojn, kun la diversaj fakoj, ekz. komerco, virinoj, ricevitaj kaj forsenditaj leteroj, ktp. (Respondo. Dum la tempo kiam la kotizaĵo de U. E. A. restas tiel malgranda kiel ĝi estas, ni devas nin limigi nur je la eldonado de la plej necesegaj dokumentoj, pro financa kaŭzo. Ĉiu propono, kiu sekvigas eldonon de io nova per si mem neproduktа en mona rilato, devas do esti prokrastata ĝis la financaj rimedoj de U. E. A. estos plibonigitaj, sendube per iom pli alta kotizaĵo. Dir.).

.˙. S-ro *Vermaas*, Del. *Rotterdam*, proponas, ke oni ne plu presu la liston de la novaj Del., ŝanĝojn, ktp. en la gazeto, sed sur folietoj, kiuj povus esti metataj en la jarlibroj, ĉar : a. ĉiu membro facile povas enmeti ĝin en la Jarlibro, fari la korektojn regule — kiom nur malmultaj nun faras ; b. la loko en la gazeto povos esti uzata por pli interesaj aferoj.

# Esperantia Vivo

**Mortoj.** — Nia sindonema kaj tiel estimata Del. en Grenoble, S-ro Ploussu, jus perdis sian patron, mortintan la 29-an de februaro.

.˙. *Mortis* S-ro A. Deligny, patro de S-ro A. Deligny, Del., en Saint-Omer kaj redaktoro de *Norda Gazeto*.

En tiu malfeliĉa cirkonstanco, li kaj lia familio bonvolu akcepti la sinceran esprimon de niaj plej koraj kondolencaj.

**Fianĉiĝo.** — Ni havas la plezuron anonci la fianĉiĝon de S-ro D. E. Parrish, Konsulo de U. E. A., en Los Angeles kaj la bonkonata peresperanta paroladisto, kun F-ino Paula Grave, Esperantistino el Kopenhago.

# Alvokoj

### Ekspozicio

La venontan someron mi intencas aranĝi ekspozicion de migrantaj poŝtkartoj kiel propagandilon.

Tuj post la estinta ekspozicio metia, industria kaj artmetia ĉi tie en Krefeldo, kiam mi ricevis la oran medalon pro mia Esperantoaranĝo ktp. mi sendis avizojn pri mia sukceso al la helpemaj delegitoj aldonante migrantajn poŝtkartojn. Tiamaniere mi forsendis sesdekon da tiaj kartoj kaj bedaŭrinde ĝis nun nur malmulte da ili revenis :

Mi urĝe petas la delegitojn kaj esperantianojn, se ili estus havantaj tiajn poŝtkartojn, ke oni tuj resendu ilin, por ke mi ricevu komprenon pri tia aranĝo. Ni intencas ĉirkaŭigi la migrantajn kartojn per vidajkartoj. Por ke la tuto prezentu belan aranĝon, mi petas la eksterlandajn samideanojn, precipe el Ameriko Azio, Afriko kaj Aŭstralio, ke ili bonvole sendu al mi ian belan vidajkarton.

Ĉu sendindo ricevos respondon per poŝtkarto enhavanta la krefeldan propagandan aranĝon.

Oni adresu al :

S. Boergermann,
Del. U. E. A. Krefeld,
Oberstr. 72.

### Grava Avizo ! !

Karaj samideanoj ! Okaze de propono, ĵus prezentita al la sveda parlamento, kiu celas :

« ke la parlamento petu de la reĝa registaro ekpripensi, ĉu kaj kiamaniere oni de sveda flanko devos kaj povos iniciati la estigon de oficiala internacia interkonsiliĝo kaj interkonsento pri la *kreado* de tutmonda lingvo aŭ internacia helplingvo »,

la sveda esperantistaro decidis protesti per cirkulero, kiu, montrante la nunan staton de esperanto kaj konstatante la efektivan vivon de nia lingvo, atentigos al nia afero la ĝis nun preskaŭ tute nesciantan pri la esperanta movado svedan parlamentanaron.

Ni intencas disdoni la cirkuleron al ĉiuj membroj de l'parlamento kaj al ĉiu sendaĵo aldoni kiel eble plej multajn esp. presaĵojn, por ke ĵus antaŭ la pritraktado de la propono troviĝu je tiu okazo sufiĉe granda materialo por pruvi la estadon de nia lingvo. Por ke tiu kolekto de esperantaĵoj estu kiel eble plej plena, estas necese, ke ĉiu samideano laŭpove sendu al ni *senprokraste* gazetojn, broŝurojn, reklamilojn komercajn, gvidfoliojn ktp.

Helsingborg, 26-an de Februaro 1912. — Je la nomo de l'sveda esperantistaro

G. H. Backman
adreso : *Helsingborg* (Svedujo).

### Al artamantoj

Mi min turnas al tiuj, kiuj amas arton, kiuj servas por arto aŭ estas nur simplaj amantoj de ĝi.

Mi estas konvinkita, ke ĉiuj ili konstatas, kiel malfacile estas observi pri ĉiuj ondoj kaj fluoj en movado de l'arta mondo. Oni povas konatiĝi kun arta movado nur de sia hejmlando, do ago de fremda arto restas por ili enigmo.

Sed oni devus neniam forgesi pri ekzisto de nia helplingvo, kiu helpis kaj helpos nin en ĉiuj niaj aferoj.

Do tial mi proponas al artamantoj krei « Universala Ligo de artamantoj ». Tiuj esp.-istoj, al kiuj ŝatas havi ĉi-tiun helpanton de iliaj rilatoj, kiuj volas koni staton de l'tuta arta mondo (pentrarto, skulptado, k. t. p.), bonvolu sendi siajn aprobojn al subskribinto (S-ro M. Buivid, Riga, Ruslando. Poŝtkesto 426) por difini kvanton de l'aprobantoj. Rezultaton de ĉi-tiu enketo mi konigos en « Esperanto ».

Se nombro de l'respondintoj estos sufiĉa, oni difinos membrokotizaĵojn, kies sumo estos uzota por eldonado de propra ilustrita organo.

Mi estos dankema al samideanoj, kiuj publikigos siajn opiniojn pri mia propono.

Antaŭdankon al ĵurnaloj, kiuj bonvolos represi ĉi-tiun alvokon.

M. Buivid.

### München 1912 !

Samideanoj ĉiulandaj, venu dum la venonta somero grandare al la bavara metia ekspozicio (*Bayerische Gewerbeschau 1912*), kiu okazos de majo ĝis oktobro en München, la ĉefurbo de Bavarujo !

La *Ekspozicio celas* doni al la bavaraj metiistoj la okazon prezenti antaŭ grandega internacia publiko la rezultojn de ilia laboremo kaj lerteco. Kaj al la vizitontoj ĝi donos la eblecon vidi, kion kreas la bavara metio kaj industrio, ne nur rilate al solideco kaj praktikeco, sed same ankaŭ rilate al formbeleco kaj arta valoro. El ĉiuj fakoj de industrio kaj metio vidiĝos tie produktaĵoj : teksaĵoj kaj vestaĵoj, mebloj, lignaj kaj vitraj objektoj, porcelanaĵoj, ludiloj, nenio mankos.

Tre interesa estas ankaŭ la fakto, ke la vizitontoj povos rigardi la iom-post-ioman pretiĝon de ĉiuj ĉi objektoj. Longa serio da laborejoj vidigos la fabrikadon de ĉiuspecaj komercaĵoj.

En historiaj apartaĵoj estos elmetitaj specimenoj da plej bonaj laboraĵoj el pasintaj tempoj, kiuj incitos al komparo kun la modernaj produktaĵoj.

La reĝa moŝto la princreganto Luitpold de Bavarujo afable akceptis la protekton, Lia reĝa moŝto princo Ludwig la honoran prezidantecon de la ekspozicio.

Ekster-kaj enlandaj esperantistoj venu Munĥenon, la tieaj samideanoj ĝoje kaj afable akceptos vin ! *En komenco de aŭgusto la Munĥenanoj aranĝos « sudeŭropean jubilean esperanto-kongreson » pro la 25-jara ekzisto de Esperanto*, al kiu ĉiuj samideanoj korege estas invitataj ! (Pluaj detalaĵoj pri la kongreso sekvos pli poste).

Braunschweig (Germanujo). — S-ro Walter Droge, 5 Kasernenstr. Pl. L., PM. (nur kun negermanoj, precipe gazetojn).

Bremen (Germanujo). — S-ro F. L. Wrede jr., Waller Chaussée, 17, Pl. L.

Bremen (Germanujo). — S-ro Diedrich Plate, Pelzerstr. 4, Pl. L. (kun eksterlandaj samideanoj).

Bremen (Germanujo). — S-ro Herm. Junge, Postfach 265, Pl. PM. (kun eksterlandaj samideanoj).

Bruselo (Belgujo). — S-ro Robert de Leener, 69, rue Neuve, Pl. bfl.

Bukarest (Rumanujo). — S-ro Bernardo Herŝkoviĉ, Str., Vanatori, N-o. 6.

Bukarest (Rumanujo). — S-ro Isidor Steinfeld, str., Faurari No 27 (nur kun tegistoj aŭ remburistoj).

Candia (Kretujo). — S-ro A. H. Carabédian, sur le quai, PM. Pl., L., PK.

Chorley (Anglujo). — S-ro W. Brown, Mayfield, L. Pl.

Cleveland (Usono, Ohio). — F-ino Rose Billenstein, 1896 W. 58-th., str. — S-ro Stanlay Kazmenski 3.422 Seymour Ave. — Sino Maud B. Bower, instruistino, 4.014 Franklin Ave. — S-ino C. F. Jones, 2.123 W. 31-st., Str. — S-ino P. F. Buuck,2139 W. 31-st. Str. — S-ro P. F. Buuck, instruisto, 2.189 W. 31-st. Str. — Sino Martha A. Jones, 2.152 W. 53-rd Str.

Ecuvillens (Svisujo, Fribourg). — S-ro Jozefo Vannier, D., de U. E. A., Pl., bfl. (surhavantaj soldatojn dum manovro).

Floha (Germanujo, Saksujo). — S-ro Fritz Behwagen, komercisto, Ad. Ŝpinejo Clauss Nchf., Pl. L.

Grosulovo (Rusujo, Ĥerson gub.) F-ino Rozalio Siemantkowskaja, Pl. L. bfl.

Kaŝin, (Rusujo, Tverskaj gub.). — S-ro I. F. Orlov, Realnoe nĉiliŝĉe, Pl. L.

Kazan (Rusujo). — S-ro Vlad., Smirnov, studento, Kasatkina ul. 29 Pl. (escepte rusoj kaj bohemoj).

Kiev (Rusujo). — S-ro Vladimir Solosov, Timofesvskaja N-o 13 kb. 2.

Kiŝinev (Rusujo, Besarabio). — S-ro Vitalij Kusterskij, Reniskaja 52, (interŝ., fotografaĵojn).

Koposd (Hungarujo, Nyitra). — S-ro Antono Rubes, Pl.

Kolomea (Aŭstrio, Galicio). — S ro Oresto Kuzma, 360 Nova. Pl. bfl. (kun ĉiulandaj samideanoj escepte aŭstriaj, germanaj kaj rusaj).

Kolozsvar (Hungarujo). — S-ro J. Vary, Bocskay-ter, 4. Pl· bfl., kaj gazetoj por propagando precipe de ekstereŭropo.

La Rochelle (Francujo). — S-ro Jean Bonnaud, Pl. bfl. (prefere bildoj de naciaj kostumoj).

Luck (Rusujo-Wolynska). — S-ro Josef Wojcikiewicz, Ostrozec, librotenisto de Administrejo Ostrozec (interŝanĝi skemojn de terkulturaj libroj, fotografaĵojn, Pl., PM.)

Mallorca (Hispanujo). — S-ro Antonio Barcelo G. de Parades-Consell, Pl. L.

Montargis (Francujo, Loiret). — S ro Th. Desbrosses, profesoro, P. M (ne sendas unue).

Montevideo (Urugay). — S-ro Raŭl V. Idoyaga, Casilla de Correo 303, Pl., K. (kun ĉiulandaj samideanoj, escepte francaj, anglaj, germanaj, aŭstriaj kaj rusaj. Respondo laŭ deziro per 2 aŭ 3 kartoj).

Moskvo (Rusujo). — S-ro G. Vaĥmistrov, staro Gostinij dwor, 52, Pl. L.

Moskvo (Rusujo). — S-ro N. L. Teplickij, Mochovaja, 17, kv. 16.

Moskvo (Rusujo). — S-ro N. Kangin, 2 Samoteĉnij per 8. Pl.

Moskvo (Rusujo). — S-ro A. Begiŝev, Starij Postinij Dvor N 52, Pl. L.

Nadeĵdinskij zavod. (Rusujo, gub., Perm). — S-ro Vasilij Beloglazov, Pl. L. Kongresano de la Oka dez. korespondi kun samideanoj en Krakovo.

Nove Mesto n/ Metuji (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Josef Kreĉek u fy Kybal et Stehlik, Pl. PM.

Novoĉerkask/Dona (Rusujo). — S-ro Boriso Popov, Mariynskaja 36, PM.

Novoĉerkask/Dona (Rusujo). — S-ino Klaŭdia Popov, Mariynskaja 36, Pl. (belaj kapetoj kaj tipoj, kun ĉiuj landoj).

Nusle II. — N-o. 450 (Praha, Aŭstrio). — S-ro Ot. Wurstial, Pl.

Olomuc-Nova Ulice (Austrio, Moravio). — Sro J. Friedrich, Rudolfova, 143, Pl. L. (precipe kun partoprenontoj de la Krakova kongreso 1912).

Omsk (Rusujo, Siberio). — S-ro V.Gerasimoviĉ, Novodoprovodnaja 44, Pl.

Omsk (Rusujo, Siberio). — S-ro A. A. Timofeev, Nadejdinska, 63, Pl. L. (sendas PM. sur 21 sd).

Omsk (Rusujo, Siberio). — S-ro Nikolas Popenĉenko, Glavno-upravlenskaja, 19.

Omsk (Rusujo, Siberio.) — Feldŝerskaja Ŝkola, Pl. PK. (lernantoj de kuracistlernejo dez., koresp.).

Perpignan (Francujo). — S-ro J. Lesire, 5, rue Poissonnerie, Pl., bfl.

Perpignan (Francujo). — S-ro Emile Bellsola, à l'*Indépendant*, Pl., bfl.

Peterburgo (Rusujo.) — S-ro Vilken, advokato, Nikolaevskij vokzal, poste restante, Pl., L.

St-Peterburgo (Rusujo). — S-ro R. Lorencson, Goroĥovaja, 7, Pl., PM., PK. (dez. koresp., kun centr., kaj sudamerikanoj, afrikanoj kaj azianaj samid., kolektas por prop., kaj ekspoz., celoj).

Philadelphia (Usono). — S-ro C. C. Coigne, 2.157 E. Cumberland str., L. (pri esotera Budeismo kaj Kristanismo; kun teosofiistoj).

Porto (Portugalujo). — S-ro Manoel Monteiro, rua St-Ildefonso, 2, 3, PK., L., PM., Pl.

Poĉt Otd. Medveddickoe (Rusujo, Tverskaj, gub.). — S-ro V. F. Orlov, instruisto. Pl., L.

Praha (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Albert Ruffer, oficisto, Praha XV. Havliĉkova, 6. — S-ro Josef Rotter, oficisto, Praha XV. Orebitska, 636. — S-ro Jindrich Pokorny, asist. dro. Praha XV. Budovcova 424. — S-ro Jan Rybar, stud., Praha XV. Dalimilova, 760. — S-ro Zdislav Hostounski, oficisto, Strasnice ap., Praha, N-o 85.

Praha I. (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Oldrich Krystofek, studento, Masna ul., 1.059, Pl. ne (kun germanoj).

Rakoskeresztur (Hungarujo). — S-ro Pilist Erno, Paulastr., 30, Pl.

Ralja (Serbujo). — S-ro R. Marianovic, Pl. bfl. L. (prefere pri socialismo).

Rylsk (Rusujo, gub., Kursk). — S-ro P. Levitskij, Pl., PM.

St-Kesovo. (Rusujo, Tverskaj gub.). — F-ino Elena Orlova, Pl. L.

N.-Tagil (Rusujo). — S-ro V. A. Smolnikov, Gornozavodskoje uĉiliŝĉe.

Valencia (Hispanujo). — S-ro Prezidanto de la societo de litografiistoj, Casa de l'Pueblo No 33 (pri sia metio).

Venado tuerto, F. C. C. A. (Arĝentino). — S-ro R. Raven Hart, a/c S-ro L. W. Smiles' L. (kun militistoj kaj ŝipistoj speciale pri signaldiro).

Vilno (Rusujo). — S-ro Vladimiro Plavelskij, str. Ĥersonskaja, d. 4, Pl. (Esperantista Societo).

Vilno (Rusujo). — S-ro George Deŝkin, str. Soltaniŝskaja N-o 7, Zvjerinec, Pl. L.

Warnsdorf (Aŭstrio, Bohemujo). — S ro Rudlof Riedel, prokuristo, VIII/1246, PM. (laŭ Senf-katalogo).

Weinboela bei Dresden (Germanujo). S-ro Arthur Sohrmann, instruisto, Pl. L. (precipe kun Turkoj, Grekoj, kaj ekstereŭropanoj).

Zabreh (Aŭstrio, Moravio). Studenta grupo, S-ro A. Ŝprinc, profesoro, Pl. L. (precipe studentoj kaj instruistoj).

Zgornja Bela (Aŭstrio, Kranjujo). S-ro Mihael Naglić. Del. de U. E. A., poŝto Tupaliĉe apud Kranj, Pl., L., PM. (respondas per vidaĵoj de subteraj grotoj, riveroj, lagoj, neĝaj montoj, alpaj lagoj, akvofaloj).

## PETOJ KAJ PROPONOJ

ATENTU ! Bonvolu antaŭsendi Mk 1 (1 fr. 25) kaj vi ricevos sukcesplenan novan kanton : *Mi amas vin* (5 ekz. Mk 4. — Fr. 5 ; 12 ekz. Mk 8. — Fr. 10 ; 20 ekz. Mk 12. — Fr. 15 ; 40 ekz. Mk 20. — Fr. 25. — S-ro Felix Hlobil, Valaŝ. Meziriĉi, Austrio-Moravio.

ESPERANTAJ GAZETOJ : Mi deziras akiri po unu N-o de : Eksport jurnalo, Algeria informilo. Revuo universala, Esperantaj skribajoj, Revuo internacia de stenografio, monata revuo esperantista Filatelia. Militista bibliofilo, liberaj flugfolioj kaj l'Esperanto. S-ro Juan Amades, Peu de la Creu. no. lo Ida, Barcelona (Hisp.).

ESPERSTENO : Alfaro de la Pitman'a Sistemo de Stenografio al la postuloj de Esperanto. Prezo : Sm. 0.50 (aŭ 5 respondkuponoj) afraukite. Havebla ĉe la Aŭtoro, J. Catton, Oswald Road, Saint-Albans, Anglujo.

EKSPORTISTOJ DE ĈIFONOJ, ATENTU ! ! S-ro W. H. Hirst, 46, Thornton Lodge Road, Huddersfield, Anglujo, deziras riprezenti Germanajn aŭ Francajn Eksportistojn de Ĉifonoj. Li speciale nun deziras fenestro-kurtenojn kaj vestojn. *Samideanoj, sciigu la eksportistojn en via lando. Antaŭajn dankojn.*

FAMILIA PENSIONO en ĉarma loko. F-ino Cianferoni, Lung' Arno Acciainoli 2 bis. Firenzo. Oni parolas Esperante.

FILATELISTOJ : Mi havas por vendi kolekton da 600 islandaj poŝtmarkoj. Valoro laŭ Senf c. 175 frankoj. Ili estas vendotaj por 70 frankoj Bjorn P. Blondal, Tungu a Vatusnesi Hunavatnssyslu. Islando.

25-JARA FINNA FRAŬLINO posedanta longedaŭran praktikon en landmezuro, kiel kartdesegnado, areokalkulo ktp., deziras similan aŭ ian alian konvenan profesion eksterlande. Scias krom la finna ankaŭ la svedan, germanan kaj esperantan lingvojn. Sin turni al F-ino Elli Ahlstrœm, Oulu, Pallas, Finlando.

INTERŜANĜO : Milano (Italujo). — S-ro Rag Grillo, via Giovo, 3, sendas ilustritajn poŝtkartojn, italajn poŝtmarkojn, kontraŭ neitalaj tramvojaj, aŭtomobilaj, ŝnurvagonaraj biletoj.

KOLEGAJ GEPROFESOROJ : Ĉar mi devas fari studon pri niaj salajroj kompare kun la salajroj de profesoroj de ĉiuj landoj, mi petas, ke vi bonvolu sciigi al mi la salajrojn de geprofesoroj de oficialaj elementaj lernejoj de via lando, Koran dankon. Adreso : José Pires Markues, Calcada de Sant'Ana, 198, 1, Portugal-Lisboa.

KORESPONDADO : Kelkaj esperantistoj deziras interŝanĝi leterojn, ilustr., poŝtkartojn, oni turnu sin al : S-ro Josef Hülsebeck, Elberfeld (Germanujo) Paradestr, 76, Respondos ĉiam tuj.

KRIZANTEMOJ kun grandaj floroj. Kolekto da 250 malsimilajoj. Oferas junajn kreskaĵojn tre vivantajn, sendeblajn en Marto-Aprilo. Prezo : 5 frankoj po 12 specoj malsimilaj, Koloroj tre diversaj. Katalogon laŭ peto. S-ro A. Hollert, amatora ĝarden kulturisto, Boulogne-sur-Mer (Francujo).

LIBREJO ESPERANTO en Montevideo deziras havi komercajn interrilatojn kun similaj alilandaj firmoj, t. e. Esperantaj eldonejoj, librovendejoj, papervendejoj, k. t. p. — Oni petas ankaŭ la alsendon de katalogoj, specimenoj, prezaroj, k. s. — Adreso : Libreria Esperanto (Munoz kaj K-o), strato 25 de Mayo 471. Montevideo (Urugvajo).

MI DEZIRAS AĈETI : « La Flago », « La Lumo », « La Idealo », (ĉiuj el Kolombio), ĉiujn numerojn ; Juna Esperantisto (Genève) 1905 jarkolekto. H. T. Bailey, 31, Caversham Road, Kentish Town, London.

POŜKRAJONOJ kun pintigiloj kaj magazeno el diverskolora galalito surskribitaj « Samideano » po 50 Sd., kun plumo duaflanke 60 Sd. Ĉiuj Esperantistoj mendu ĝin ĉe « Societo Esperanto », Krakovo, Aŭstrio.

POŜTKARTKOLEKTANTOJ LEGU : Se oni sendos al mi fr. 3.50 per poŝta mandato mi tuj sendos lo belegajn islandajn poŝtkartojn, kiuj montras la plej belajn lokojn de la bela norda insulo. Bjorn P. Blondal, D. de U. E. A. Tungu a Vatusnesi Hunatussilyslu

POŜTMARKOJ : Oni malkare vendas poŝtmarkojn : Hart orfejo Oberingingen apud Metz (Germanujo).

POŜVORTARO. — Tre interesa libro por hispanlingvanoj kaj fremduloj vizitontaj latinajn landojn. Enhavas pli ol 10.000 radikojn. Lukse bindita 2 Fr. Adresu al S-ro X. Tuduri, S. Sebastian (Hispanujo).

SERIOZA RIPREZENTADO. — Firmo kiu tion serĉas en Germanujo, por enkonduki iun ajn artikolon, donu adreson kun proponoj al : H. Fischer, 46, Westwall, Krefeld, German. (Ili mem pagas vojaĝkostojn).

VENDO : Prof. Meazzini, Bibbiena (Arezzo-Italujo) vendus la plenan kolekton de « Esperanto » kaj de « Tra la Mondo ».

## UNIVERSALA ESPERANTIA LIBREJO

*10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svis.)*

*JUS APERIS :*

## Kulturceladoj de la nuntempo

de Prof. D-ro Aug. Forel

EKSDOCENTO DE L'UNIVERSITATO DE ZURICH

Trad. D-ro Fr. Uhlmann

Prezo : Sm. 0,50 (afranke)

Tiu ĉi nova verko de la fame konata sciencisto traktas la plej gravajn nuntempajn sociajn problemojn en koncize, interesplena kaj populara maniero. Jen la titoloj de la ĉefaj ĉapitroj : Etiko kaj Religio, Medicino kaj Higieno. Nacia ekonomio, Milito, Patriotismo, politiko kaj nacia etiko. Mondlingvo. Seksa problemo. Socialismo. Lernejo kaj edukado.

## Paulo Debenham

Romano originale verkita en Esperanto de H. A. Luyken

227 paĝoj : Prezo : 1,12 Sm. (afranke)

Jen alia pruvo de la vivanteco de nia lingvo ! Ĉiu Esperantisto nepre devas posedi tiun ĉi romanon, ne nur por ĝui ĝian tre interesan kaj kelkefoje ekscitan enhavon, sed por montri al skeptikulo, ke nia lingvo havas propran originalan literaturon. La romano estas verkita en tre facile legebla stilo, kiu ofte rememorigas al ni la fluan stilon de la bedaŭrata D-ro Vallienne. La karakteroj estas majstre desegnitaj, kaj rakonto tiel lerte disvolviĝas, ke la leganto iras de ĉapitro al ĉapitro kun kreskanta intereso.

## Kiel nin Organizi ?

de H. Hodler

Studo kaj propono pri la organizo de la Esperanto-movado

Prezo : 0,10 Sm. (afranke)

*La Administranto (Gérant) :* Michaud

Laborista Kooperativa Presejo, 15, rue Amiral-Roussin. Dijon (Francujo).

